# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

11-a jaro. Numero 6
Novembro-Decembro 1932

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Adm.: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk: Dresden 26379
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.



Walther Hahn, lernejestro en Gohlis, Germanujo, kvindekjara
la prezidanto de TAGE-kunveno en Parizo 1932

**ENHAVO: El la praktiko por la praktiko: La Esperanto-muro en nia klasejo (al nia programo 121) — La enkonduko de la kunmetitaj tempoj (al 121) — Aktiva lernejo kaj aktivaj metodoj (daŭrigo kaj fino) (al 131) — Desegno kiel ĝeneral-kleriga (= pedia) instruobjekto (daŭrigo kaj fino) (al 134) — 6-a kongreso de Mondligo por nova eduko en Nice (al 211) — Esperanto kaj lernejoj (al 221) — Polaj esperantistaj lernantoj de Ŝtata Klasika Gimnazio en Bydgoszcz (al 221) — Internacia Korespondo-Oficejo subtenata en Berlin per IALA, New York (al 221) — Infaninterŝanĝo per Esperanto (al 221) — Aŭtuna festo de la Esp.-gelernantoj en Gohlis-Dresden (al 221) — „Instruista sekcio" en Estonio (al 221) — Recenzo (al 23) — Stranga rompo (al 24) — Ekster la programo: Trioble tri minutoj — Aldono de Korespondo-Oficejo.**

---

# El la praktiko por la praktiko.

## La Esperanto-muro en nia klasejo.

De Walther Hahn, Gohlis-Dresden.

La internacia korespondado estas por la infanoj certe la plej interesa parto de la lerneja laboro; ĝi estas kvazaŭ la rekompenco por diligenteco kaj fervoro.

Sur la muro de la klasejo pendas granda mondkarto desegnita de infanoj kaj instruisto. En la mezo estas Gohlis; de ĝi linioj iras al ĉiuj direktoj; ili finas en la urboj, en kiuj loĝas la korespondantoj de niaj gelernantoj.

Alvenis letero! Ni mezuras sur la karto la interspacon de Gohlis ĝis la eksterlanda urbo. Ni serĉas la vojon, kiun faris la letero kaj ekscias pri gravaj fervojaj kaj ŝiplinioj. La stampo diras al ni, kiom da tagoj daŭris la vojaĝo, kaj la enhavo de la letero, kiu estas utiligata por la tuta klaso, pliigas niajn konojn pri la fremda lando. Tiuj ĉi geografiaj studadoj estas certe praktikaj, kaj entute la Esp.-lingvo daŭre akompanas kaj helpas la geografian instruadon. Mi povas certigi, ke neniu geografia leciono preterpasas, en kiu Esperanto ne servas kiel bona helpilo.

La bildetoj klarigantaj la signifon de la ĉefaj prepozicioj estas bona helpo dum la Esp.-instruado. Sur la kvar afiŝoj ambaŭflanke de la mondkarto oni vidas vireton antaŭ, en, sur, sub . . . barelo. Ĉu vi ne kredas, ke bildo de hometo kuŝanta premate sub barelo bonege kaj plej rapide klarigas la signifon de la prepozicio sub? La bildojn ni dankas al nia mortinta nederlanda samideano W. Sevenhuijsen, Harlemo, pri kies grandaj meritoj rilate al la Esp.-praktiko en la lernejoj la malnovaj gesamideanoj certe memoros. La librejo H. de Kleijn, Harlemo, antaŭ 20 jaroj eldonis poŝtkarton kun la bildetoj. Pligrandigite laŭ tiu karto la afiŝoj estas taŭgaj helpiloj dum la instruado kaj ofte anstataŭas longajn klarigojn.

La afiŝoj plej dekstre sur la bildo estas pligrandigitaj laŭ tabelo en la bonega lernolibro de Artur Degen. Ĝi vorte kaj grafike klarigas la signifon de la demandaj vortoj. Ankaŭ ĝi multe plifaciligas la komprenon.

Sur la bildo oni vidas knabon, kiu portas ŝanĝokadron kun belaj kaj maloftaj poŝtmarkoj, kiuj ja ludas grandan rolon ĉe la infankorespondado.




La du knabinoj montras d i p l o m o n, kiun la Esp.-klaso ricevis antaŭ 3 jaroj de la „Internacia Ekspozicio de infanlaboraĵoj en Oviedo, Hispanujo“.

Ĉe la Esp.-instruado oni ne taksu tro malalta la valoron de taŭgaj helpiloj, kiuj plifaciligas kaj plivivigas la taskon por infanoj kaj instruistoj.

---

### La enkonduko de la kunmetitaj tempoj.

En apogo al Andreo Ĉe de Geo Schmidt, Potsdam, Germ.

La instruisto kunportas ses kolorajn kartojn. Li metas bluan karton sur la tablon:

| Mi estas |
|---|

Ho, la tempon mi konas: estas la nuntempo! Nature blua, por optimista homo la nuntempo ĉiam estas ĉielblua.

| Mi estis |
|---|

Jen nova karto! Ruĝa. La antaŭtempo! Ĉu en la memoro ne ĉio fariĝas rozkolora? Eĉ orluma?

| Mi estos |
|---|

— la posttempo. Verda! La posttempo ja portas niajn esperojn. Tial estas la tria karto verda.

La 4-a karto havas bildon. Jen sidas homo antaŭ telero kaj enŝovas grandan bulon en la buŝon. Homo, kiu estas en la s t a t o d e o k u p o, estas

| Okupo<br>manĝanta (bildo) |
|---|

La karto estas blua kiel 1. La desegno apartenas en la libera loko de la karto; ĝi estas tro multekosta por la gazeto.

Kaj nun ni „kunmetu": Kia mi estas en la stato de la okupo plus en la nuntempo? — 1 Ok.

La sama stato en antaŭtempo — 2 Ok.

La sama stato en posttempo — 3 Ok.

El la bildo sur la 5-a karto oni ekkonas alian staton. Jen sidas maldika homo antaŭ plena telero. Li ne manĝis ĝis nun: li estas en la s t a t o d e l a a t e n d o.

| Atendo |
| --- |
| manĝonta (bildo) |

La karto havas la verdan o-koloron.

Ankaŭ tie ĉi ni kunmetas kaj demandas: Kia estas homo en la stato de At 1, 2, 3?

La homo sur la bildo de la sesa karto sidas komforte malantaŭ la malplena telero kaj fumas dikan cigaron. Li estas en la s t a t o d e m e m o r o.

| Memoro |
| --- |
| manĝinta (bildo) |

nature la karto estas rozruĝa.

Ni kunmetas 1 Mem, 2 Mem, 3 Mem.

Same ni nun kunmetas al la tri statoj unu tempon:

| | | |
| --- | --- | --- |
| 1 Ok | 1 At. | 1 Mem |
| 2 Ok | 2 At. | 2 Mem |
| 3 Ok | 3 At. | 3 Mem |

El du diversaj vidpunktoj ni povas veni al la sama tempkonstato. Kion do signifas 2 At, 1 Ok ktp.?

Fine jen dialogo:

**1-a amiko:** Kiam vi morgaŭ vizitos min?
**2-a amiko:** Kiam vi havos tempon?
**1-a amiko:** Nun, mi petas, ne venu je la 8-a; tiam m i e s t o s m a n ĝ a n t a. Ankaŭ ne venu antaŭ la 8-a, ni ne povus longe rakonti, ĉar baldaŭ m i e s t o s m a n ĝ o n t a. Sed venu post la 8-a, tiam m i e s t o s m a n ĝ i n t a kaj neniu ĝenos nin.

---

# Aktiva lernejo kaj aktivaj metodoj.

**De D-ro Ad. Ferrière.**

(Daŭrigo kaj fino.)

La librojn kiujn mi skribis pri Aktiva Lernejo montras la komunan elirpunkton de teorio kaj de praktiko, aŭ, pli bone, ilian interpenetradon.

Sed ili ne parolas pri la prepara laboro eksperimenta de l' aŭtoro, pri lia silenta observado ĉe infanoj, dum la monatoj kaj jaroj, kiam li volis, eksperimente, tute senbari la vojon antaŭ ilia libera spontaneeco. Ofte li estis riproĉata pri tiu libero, kiun li lasis al ili. Oni permesu al li ĉi tie diri, ne ke tiu eksperimentado estis necesa al liaj studoj (tio estus motivo egocentra kaj krima, se la infanoj estus suferintaj per ĝi), sed ke tiu libero, en la kondiĉoj, en kiuj ĝi estis realigita, havis bonegajn spiritajn rezultojn. Estis duspecaj

kondiĉoj. Unue, neaj: neniu limigo altrudita de ekstere. Nova Lernejo surkampara, influo de Hermann Lietz, kiu abomenis ĉian subpremon[3]), kaj kiu tamen, per sinregado organizita en sia „lerneja ŝtato“ kaj per sia persona influo spirita, sukcesis efektivigi memvolitan ordon kaj spontanean submetiĝon sub kolektivan devon; foresto de ia programo, de ia metodo kaj preskaŭ de iaj leciontabeloj altruditaj al tiu, kiu, kun sia grupo da junaj franclingvaj svisoj, unuafoje realigis Lernejon laŭ geneza psikologio kaj spontaneeco de infano. Due, pozitivaj kondiĉoj: neniaj kapricoj ĉe la infanoj; spirito de laboro, de konkero de ekzistado, stimulita per la Lietz-a senpera influo; entuziasmiga imago pri atingota celo: esti valora homo, konata, ĉiu laŭ siaj kapabloj, kiel reformanto de l' mondo kaj puriganto de sociala kaj morala vivo; vido ne malpli preciza pri la mankoj de ĉiu el ni, deziro ne malpli granda, ilin forigi per laboro; fine, senĉese, imago pri „ĝenerala kulturo“, kiu sola povas efikigi izolajn penadojn, la potenco de l' tuto resprucanta sur la parton, kaj povo de la parto — estonta specialiĝo de l' infano — resprucanta sur la tuton. Potenca kolektiva sugestio aginta sur la aro da infanoj. Kondiĉoj malofte tiomgrade realigeblaj. Sed kondiĉoj kiuj ebligis antaŭsenti kio estas eduko, kiam, liberigita de l' ligiloj de subprema aŭtoritatado — agado nur de ekstere al interne — kaj de troa liberemego — agado nur de interne al ekstere — la lernejo estos instigata de pasinto kaj de estonto, de tradicio kaj de progreso, de konscio kaj de subkonscio, de kunlaborado de sane edukita infano kun saĝaca plenaĝulo!

Tiu metodo, kiu komence ne havis nomon, ĉar ĝi aperis al ni kvazaŭ natura esprimado de libera vivo, celanta al konkero de bono kaj vero, kaj kiu, post dudek jaroj, nomiĝis Aktiva Lernejo, estis aplikita ĉe proksimume ducent-kvindek infanoj, ĉe Lietz, ĉe la estinta „Ecole-Foyer des Pléiades“, kaj, pli daŭr-maniere, en malgranda klaso en Bex (Svisio). Tiu lasta sperto estas rakontita en ĉapitro III de „La Pratique de l' Ecole active“. Ĝi iĝis sintezo de la nunaj postuloj kaj de tiuj de estonto; unuflanke, postuloj de gepatroj, kiuj volas preparon por ekzamenoj, kaj de infanoj jam fuŝformitaj per malnov-stila lernejo; aliflanke, respekto al formiĝanta individueco: minimuma programo, vizitoj al institucioj, laŭokazaj lecionoj, devigaj laboroj, laŭplaĉaj personaj laboroj, liberaj laboroj, ĉio gradigita por la laboro de ĉiu lernanto, laŭ grado de lia iniciato, de lia labor-povo kaj de lia honesto. Sama kompromiso estis provita en la Internacia Lernejo de Ĝenevo, kies rifuĝejo estis, la unuan jaron, simpla kampara dometo, propraĵo de l' aŭtoro, kaj kiu, lasante poste tiun ŝirmejon al la etuloj, elmigris al pli vasta ejo. Aliloke estas dirite, kiel oni klopodis fari homogenan grupon el instruistaro ĝenerale malbone preparita por sia tasko. La ekzemplo de la lernejo de T.-H. Boit en Amersfoort, kaj tiu de l' „Ermitage“ en Bruselo, rakontitaj en „La Liberté de l'Enfant à l'Ecole active“, montras, kiaj estas la eksteraj malfacilaĵoj nuntempaj por privata lernejo, kontraŭ la publikaj lernejoj mone grandskale subtenataj, kaj pro tio kapablaj doni senpage elementan instruadon, kaj ege etigi lernopagon en la duagrada: publikaj bonfaroj, se la lernejo estas bazita sur la psikologiaj bezonoj de l' infanaro; grava danĝero, se la fakta monopolo kovras pedagogian komercaĵon kontraŭan al leĝoj de scienco kaj de natura

[3]) Vidu: „„Trois Pionniers de l' Education nouvelle, H. Lietz, G. Lombardo-Radice, F. Bakule“, Paris, Flammarion, 1928.

saĝo. Sed espero estas persistema, kiam oni sentas, ke oni havas estonton por si. Tion pruvas la Aktiva Lernejo kreita en Ĝenevo la 20-an de aprilo 1928, kaj pri kiu ni parolis en la komenco de tiuj ĉi linioj.

Scienca metodo agas laŭ sinsekvaj etapoj: observado, hipotezo, kontrolado kaj leĝo. La unua kaj la dua direktiĝas al diferencigo de kono entuta aŭ intuitiva; la dua kaj la lasta al sistema koncentrigo. Miaj spertoj en Novaj Lernejoj rilatis al infana spontaneeco, ĉar tie observado malkovras la sekretajn instigilojn de instinktoj kaj emoj. Miaj prelegoj en la Universitato de Ĝenevo, de 1909, poste en Instituto J. J. Rousseau kaj en la Sociala Altlernejo por Virinoj, servis al unua ellaborado de faritaj observadoj kaj al starigo de labor-hipotezoj, kiuj montriĝis fruktoplenaj. Rezultis du serioj de verkoj: teoriaj („L'Education constructive") kaj praktikaj („L'Ecole active", „La Pratique de l'Ecole active", „L'Autonomie des Ecoliers"), la lastaj kompletigitaj per monografioj, ekzemple: „L'Aube de l'Ecole sereine en Italie", „La Liberté de l' Enfant à l'Ecole active", „Trois Pionniers de l' Education nouvelle". Sed observado kaj hipotezo postulis kontrolon de aliaj serĉantoj kaj esplorantoj.

En tio povis utili la Internacia Oficejo de Novaj Lernejoj (konata kiel B. I. E. N.), kiun mi fondis en 1899, instigita de Edmond Demolins, la franca sociologo, fondinto de la lernejo „Ecole des Roches". Eksperimentigi en aliaj lernejoj tion, kio sukcesis en unu el ili, kompari, per enketoj, tion, kio estis farata en la proksimume cent „laborejoj de estonta pedagogio", kiel ilin nomis D-ro Cecil Reddie, kreinto, en 1899, de la unua el ili — tio estis bela programo. Ĝi estis nur parte plenumata. De 1926, la Internacia Oficejo de Novaj Lernejoj kuniĝis kun la nova „Internacia Oficejo de Edukado", fondita en decembro 1925. Tiu ĉi prenis sur sin la dokumentan kaj disvastigan parton, iĝinta tro peza por unu sola homo. La enketa laboro trovis pli fruktodonan kampon en la renovigitaj lernejoj: eksperimentaj klasoj de publikaj lernejoj, lernejoj de la landoj, en kiuj la leĝaro enkondukis, laŭ pli-malpli granda skalo, la principojn de Aktiva Lernejo. Tial la agad-sfero de B. I. E. N., kies unua celo estis: starigi helpan ligilon inter la Novaj Lernejoj surkamparaj, estas nun tre malgrandigita. Oni povas atribui tiun relativan malsukceson al la tro malfacilaj vivkondiĉoj de noviĝemaj privataj lernejoj, ĉu en la landoj, kie la ŝtato mem montriĝis noviĝulo, ĉu en tiuj, kie la ŝtato mem ne estante tia, la publiko ankaŭ ne estas tia, kaj kie la timego de ekzamenoj — ŝlosiloj, kiuj malfermas la enviindajn sociajn situaciojn — instigas la gepatrojn postuli respekton al malnovaj programoj kaj malnovaj metodoj, forgesante la profundan parolon: *et propter vitam, vitae distruere causas!*[4]) Se oni aldonas al tio la daŭran trostreĉon de la plej multaj direktoroj de Novaj Lernejoj, la malfacilon varbi instruistojn por privataj lernejoj, la rarecon de kompetentaj instruantoj, el vidpunkto de geneza psikologio kaj de profesia preparo al la metodoj de Aktiva Lernejo, oni komprenos, ke Novaj Lernejoj malfacile vivadas. Maloftaj estas tiuj, kie regas, en la instruistaro, vera spirito de socia laborantaro: kunlaborado, konkordo, submetiĝo de ĉiu al la komuna celo. La kelkaj izolaj talentoj, kiuj tie brilas, la belegaj oferemoj, kiuj tie eluzas siajn fortojn, estas laŭdindaj: en la malgranda rondo de senpera influo de animo al animo, ili estas admirindaj ekzemploj; por scienco, ili estas perditaj. Nur la institucioj, kie programoj,

---

[4]) = por la vivo detrui la kaŭzojn de l' vivo.

metodoj, instruistoj kaj estraro estas je servo de Aktiva Lernejo, bone komprenita kaj bone aplikita, povas utili, kiel esplor-kampo, al scienculo. Nur tie li povas observadi, deduki, konkludi, sugesti plibonigojn, kaj helpi starigi tiun teknikon de „Aktiva Lernejo", kiun ni deziregas, kaj kies bazojn la „Eduko konstrua" klopodas estigi. Jam nun ni ekvidas la solvon de estonta lernejo per kvar kunagantaj manieroj, pri kiuj multaj ekzemploj pruvas al ni la efikecon kaj la „spiritan produkt-kvanton" — se tiuj vortoj ne tro akre kontrastas, por povi esti uzataj kune! Ni ĉerpas tian priskribon el „La Liberté de l'Enfant à l'Ecole active", kie estas rakontita la provo farita en 1924 kaj 1925, en la Internacia Lernejo de Ĝenevo:

1. Gradigita individua laboro, kies objektoj estas la „teknikoj": kalkulado, lingvoj, ktp. Oni ĉerpas instigojn el la gradaraj libroj de S-ro Washburne, kaj ĉefe el la laboraj slipoj de S-ino Alexander-Deschamps. Ĝi povas — mi eĉ diras ĝi devas — akordiĝi kun la organizita kolektiva laboro, kvankam adaptita al la bezonoj kaj kapabloj de ĉiu individuo.

2. Organizita kolektiva laboro, kie, kiel ĉe D-ro Decroly, oni kunigas la dokumentaĵon kaj la kontribuon de ĉiu, kie oni starigas la pritraktotan temon, kaj kie la instruisto povas aldoni al la diskuto la netakseblan kunhelpon de sia sperto kaj sagaco.

3. Libera, individua laboro, kie la infano faras mem esplorojn kaj kunordigas ilin, ĉu por kolektiva leciono (persona laboro), ĉu por si mem (libera laboro). La okupoj de rubrikoj 1 kaj 3 povas alterni; ĝenerale ili okazas dum la unuaj horoj de mateno.

4. Fine, libera kolektiva laboro, kie la infanoj agas tute memstare, kaj komune decidas. Tio estas la projekta metodo („project method") de John Dewey kaj de Ellsworth Collings. Ordo en la lernejo, sinregado (self government), manlaboroj, vizitoj eksteren, preparo de teatraĵoj, prezentitaj laŭvice de ĉiu klaso por ĉiuj aliaj, aŭ de vesperaj kunvenoj por gepatroj, ekspozicioj, vendofestoj, jen la liberaj aktivadoj, kiujn naskis la medio mem de lernantoj.

*

Depost 1921, la Internacia Ligo por Nova Eduko venis rikolti la fruktojn de l' esploroj faritaj jam de 1900. Ĝi ege diskonigis tiujn rezultojn. Geneza psikologio, nekonata antaŭ dudek jaroj, kiam ni dediĉis al ĝi unuan prelegaron en la Universitato de Ĝenevo, estas nun enkondukata en la universitatojn kaj porinstruistajn lernejojn de ĉiuj landoj. La leĝaro de pluraj landoj nun akceptas la principojn de Aktiva Lernejo, en ĝiaj multaj formoj: centroj de intereso — aŭ „kompleksoj", kiel oni nomas ilin en Rusl'ando, — relativa aŭtonomio de l' lernantoj, lernejaj kooperativoj, ktp. Kelkaj el ĝiaj postuloj estas aplikataj, apud provizoraj disponoj kiujn psikologo juĝas malprogresemaj, en la novaj lernejaj leĝoj de „klasikaj" landoj, kiel ekzemple Francio kaj Italio[5]).

Per siaj ĉiudujaraj kongresoj, per siaj propraj revuoj kaj la multaj revuoj, kiuj aliĝis al ĝi, per siaj grupoj kaj naciaj sekcioj en pluraj landoj, plue, per siaj membroj apartenantaj al 44 nacioj, la Internacia Ligo por Nova Eduko plenumis imponan laboron, preskaŭ sen monrimedoj, nur dank' al oferemo

---

[5]) Vidu en „Trois Pionniers de l' Education nouvelle" kaj en „L'Aube de l'Ecole sereine en Italie", la paĝojn pri libera verkado kaj libera desegnado.

de siaj fondintoj kaj de siaj membroj. Kaj, se ŝtatoj kaj individuoj helpos al ĝi, — ĉar ĝia laboro, same kiel tiu de Internacia Oficejo de Edukado, iĝas premega — ĝi havas antaŭ si laboron ne malpli imponan. Ĉar, se Aktiva Lernejo estas apliko de scienco kaj de sana prudento en edukado, se la sorto de l' nunaj infanaro kaj junularo preparas la sorton de l' morgaŭa mondo, sagacaj gepatroj, instruistoj kaj ŝtatistoj havas do en la mano la ŝlosilon de estonto. Ili povas elekti: aŭ ekmorton de blanka raso kaj de okcidenta civilizacio, aŭ renovigon, nepenseblan sen arda penado al vero, al sano, al morala kulturo, al spirita ekvilibro de l' personeco, al socia justeco, al homaj kunlaborado kaj solidareco, kaj tion per formado de gejunularo, senigita de la eraroj de l' pasinto kaj direktita al triumfo de Spirito super materio.

---

# Desegno kiel ĝeneralkleriga (-pedia) instruobjekto (fako).*)

De Ivan Valĉanov, Tirnovo (Bulgarujo).

## II. Intrumaterialo kaj metodo.

En la unua artikolo pri esenco, valoro kaj taskoj de la desegno kiel ĝeneralkleriga instruobjekto, ni vidis, ke la desegno ne estas afero nur de mano, sed pli de okuloj ol de mano. Ni vidis ankaŭ, ke je desegno partoprenas, ŝekve ekzerciĝas, ne nur mano kaj okulo, sed ankaŭ multe da aliaj animaj fortoj kaj kapablecoj, kaj ke, per desegno infanoj ricevas daŭrajn kaj solidajn konojn kaj imagojn pri formo, koloro kaj aliaj karakterizaj signifoj de objektoj. Krom tio ĉi, ni vidis, ĝenerale, ke desegno kiel pedia instruobjekto prezentas sistemon de konoj kaj ekzercoj, kiuj estas alireblaj por ĉiuj infanoj kaj kiuj estas utilaj por ilia ĝenerala-harmonia disvolviĝo, kaj ne nur por disvolviĝo de iliaj arttalentoj.

Post ĉi tio, antaŭ ni aperas demando pri instrumaterialo kaj instrumetodo kun ilia valoro, ĉar sen konforma instrumaterialo kaj sen taŭcela instrumetodo ni ne povas atingi la ĝeneralklerigantajn taskojn de desegno.

La taskoj de la desegno kiel arto, kiel specialeco, estas bone konataj al ĉiu. Se ni konsiderus nur ilin, tiam ni devus, per desegno-instruo celi fabriki nur desegnistojn-artistojn. Tamen ĝeneralkleriganta skolo ne povas havi tiajn tro specialajn taskojn. Ĝi ne povas havi en sia instruplano instruobjekton kun tia speciala karaktero-instruobjekto, kiu estas utila nur por du aŭ tri infanoj de la lernejo kaj por iliaj arttalentoj.

Ni memorigos tie ĉi kaj konkretigos klare la taskojn de desegno kiel ĝeneralkleriganta instruobjekto, ĉar por ilia atingo ni trovos taŭcelan instrumaterialon kaj metodon.

Do la ĝeneralklerigantaj taskoj de desegno estas jenaj:

1. Doni al infanoj konojn kaj imagojn pri koloroj, formoj kaj aliaj karakterizaj signoj de la objektoj.

*) Vidu IPR 1932, 10—11.

2. Disvolvi la infanan observpovon, por ke ili povu akcepti la karakterizajn signojn de la objektoj senpere el samspecaj objektoj.

3. Disvolvi la infanan vidsentan memorecon, por ke ili povu reprodukti la karakterizajn signojn de la objektoj, ĉiam kiam tio ĉi estas necesa.

4. Disvolvi estetikan guston de la infanoj.

5. Disvolvi infanan verkadan imagon, por ke la infanoj povu ŝanĝi kaj denove krei la formojn kaj la kolorojn de la objektoj laŭ ilia estetika gusto kaj laŭ ilia deziro.

6. Disvolvi la manlertecon de la infanoj, por ke ili povu reprodukti la karakterizajn signojn de la objektoj tiel, kiel ili akceptas ilin senpere el samaspecaj objektoj aŭ ŝanĝitaj kaj denove kreitaj.

7. Helpi disvolviĝon de la specialaj talentoj pri desegno kaj arto en tiuj infanoj, kiuj posedas tiajn talentojn.

Do, per kiaj instrumaterialo kaj instrumetodo ni instruadu la desegnon en ĝeneralklerigantaj lernejoj?

La respondo estas nur unu — per ĝeneralkleriganta instrumaterialo kaj per ĝeneralkleriganta instrumetodo. Kial? Ĉar pediajn celojn kaj taskojn kaj harmonian disvolviĝon oni ne povas atingi kaj realigi per speciala-profesia instrumaterialo, kiu koncernas nur unuflankan disvolvon de la infanoj, nek per instrumetodo, kiu kondukas nin al sama unuflanka disvolviĝo.

Ĝeneralklerigan instrumaterialon pri desegno oni trovas tre multe en ĉiuj aliaj instrufakoj. Tie oni trovas la plej taŭgajn modelojn por memor-desegno aŭ por desegno laŭ naturobjekto, tie oni trovas la plej belajn kaj taŭgajn legaĵojn, rakontojn kaj aliajn por ilustri-desegno, kaj tiel same — la plej belajn elementojn kaj motivojn por ornamdesegno. Tial estus tro ne laŭcele kaj arbitre, se ni ignorus ĝin, kaj elpensus aŭ eltrovus alian instrumaterialon, aliajn modelojn, objektojn, rakontojn, kantojn k. a., kiujn la infanoj vidas kaj aŭdas malofte, aŭ kiuj laŭ siaj formoj, koloroj, enhavo k. a. estas tiel specialaj, ke ili estus atingeblaj nur por kelke da pli kapablaj kaj talentaj geknaboj. Tie ne povas havi pravigon la kontraŭparolo, ke la kapablaj infanoj estos neekzercitaj, nekontentigitaj per tiu ĉi „facila", alirebla por ĉiuj materialo. „La facila" materialo ne influos la kapablajn infanojn tiel negative, kiel „la malfacila" la ordinarajn infanojn, ĉar la talentaj kaj kapablaj infanoj trovos kontentigon kaj ekzercon de siaj fortoj kaj talentoj per pli akurata sendifektigeco de l' desegnaĵo, kaj ĉiuj aliaj infanoj ricevos nur disreviĝon, seniluziiĝon kaj honton. Eĉ, se nur unu aŭ du el niaj gelernantoj ne sukcesus desegni bone sian desegnaĵon pro tromalfacileco de l' materialo por siaj fortoj, ni ne povas ne bedaŭri tion. Ankoraŭ pli atentaj ni devas esti pri la kleriga kaj estetika gravo de l' instrumaterialo. La modeloj por desegno, kaj tiel same la aliaj temoj (rakontoj, legaĵoj, kantetoj k. a.) devas influi la gelernantojn klerige, eduke kaj estetike. De ĉiu desegnaĵo la gelernantoj devas ricevi iujn konojn pri formo, koloro kaj alia signo de la objektoj. Ĉiu desegnaĵo devas kontentigi la estetikan senton de la gelernantoj aŭ ĝi devas ekzerci ilian vidmemoron.

Post la instrumaterialo venu la zorgo pri instrumetodo. Ni maltrovos entute la ĝeneralklerigan valoron de l' desegnoinstruo, se sendepende de l' instrumaterialo, ni instruus tiamaniere, ke ni ekzercas nur la infanan manlertecon, aŭ ilian observemon. Tiu ĉi unuflankeco estas neebla per ĝeneralkleriga

instrumetodo. Per ĝi la gelernantoj ekzercas komune kaj harmonie ĉiujn siajn fortojn, sentilojn kaj organojn, kiuj partoprenas la desegnon. Ĉe unu sama desegnaĵo, en unu sama leciono la gelernantoj samtempe observas, memoras, imagas, kombinas, pensas, sentas, reproduktas ktp. — ĉiu laŭ siaj fortoj. Per tiu ĉi metodo oni faras la desegnon instrufako ne nur utila, sed dezirata kiel por talentaj tiel same por ordinaraj gelernantoj. Krom tio, per tiu ĉi metodo la desegno ricevas valoron ne nur por disvolvo de l' desegnaj talentoj, sed ĝenerale — por la komuna disvolvo de infanaj fortoj. Samtempe la desegno helpos kaj utilos la instruon pri aliaj instrufakoj.

---

## Sesa Kongreso de Mondligo por nova eduko en Nice.

La socia aliformado kaj la eduko estis la temo de tiu kongreso. 1600 homoj el 52 landoj volis kunlabori en 15 sekcioj kaj 15 kursoj.

En Nice la varmego estis tre granda kaj la blua maro logis, sed tamen oni vidis plenigitajn ĉambregojn en la Lycée du Parc Impériale kaj en la Palais de la Méditerrannée.

La detala programo de la kongreso estis anoncita en n-ro 3 de IPR. Ĝi estis tre multenhava, tro multenhava. Bonvola kongresano povis trovi direkton por sia laboro, sed la programo multŝanĝita ne estis stabila.

La temo de la kongreso estas tre grava problemo de la nuntempo. Oni serĉis kulturecon adaptitan al la moderna vivo. Oni respondas tre ofte, ke oni devas respekti la tutaĵon de l' vivo kaj la tutaĵon de l' eduko. La franca edukministro ankaŭ akcentis la saman ideon. Ne edukiteco de la rango, ne de la profesio, ne la postulo de proletaria kultureco, ne la negacio de la burĝa kultureco estas la solvo. Nenia splitiĝeco povas helpi, nur la universale edukita homo estas necesa.

Interesa estis la formulo de Prof. H. Rugg (New York). Li kontraŭstarigis la taskojn de la deknaŭa kaj de la dudeka jarcentoj. La deknaŭa jarcento estis la jarcento de la invento, komenco de la epoko, kiu uzas malĝuste la kreaĵojn de l' homara intelekto. Nun la dudeka jarcento devas solvi la problemon krei planon por reguli posedon kaj laborhavigon.

La deknaŭa jarcento estis la epoko de l' individualismo. La inventisto, gvidita per la formulo, povis labori sen helpo de aliaj. Sed la tasko de la dudeka jarcento ne estas solvebla per la sola homo. Tiu epoko postulas kolektivan pensmanieron, ĉar la sola homo ne povas atingi la celon. Li opinias, ke la kriterio de la moderna kultureco estas la kolektiva pensmaniero. La deknaŭa estis la jarcento de l' inventisto — la dudeka devas esti la jarcento de l' edukisto. La edukisto havas okazon kaj devon interveni tiel aktive kiel neniam pli frue. Ĝis nun la okcidenta eduko ne ekkonis sufiĉe la neceson de la kolektiva pensmaniero. Ĝi imitas pasintajn epokojn kaj estas nur libroinstruado. Tiu malĝusta imitado akcelis la malĝustan hierarkion de la sociaj klasoj kaj atingis la malestimon de neintelekta laboro. La instruo edukas la ŝtatanon, la estontan elektanton.

Misedukite per la skolastika instruado li partoprenis je la taskoj de la ŝtatana vivo kaj tiel li fariĝis bona objekto por la grupoj, kiuj celas al la hegemonio super la amaso helpe de la gazetoj, filmteatroj kaj radiofonio. Amaso da homoj kritikeme rigardanta tiun propagandon sed tamen ne maltolerema, vidante la senvaloron de la sociaj helpiletoj, ekkonanta la necesoн de radikala sistemŝanĝo, tia popolamaso nur povas esti formata per fundamenta eduko. Pro tiu kaŭzo estas

necese doni al ĉiuj lernejspecoj novan enhavon, kiu ampleksas la problemojn tiel de l' individuoj kiel ankaŭ de grupoj. Natursciencoj kaj lingvosciencoj devas esti limigataj favore al sociaj studoj, praktiko de la grupvivo kaj apliko de l' krea esprimo. Sociologio estas necesa, en kiu oni traktas la problemojn de ĉiu moderna laboro kaj ankaŭ tiujn de la tromulto da enloĝantoj kaj de la naskiĝkontrolo. Nova vivfilozofio devas doni al la eduklaboro valorordon kaj direkton. La filozofio ne evoluu en la maniero de la pragmatiko, ĝiaj filozofoj ne haltu ĉe solvoj pragmatikaj. Oni devas trovi filozofion de „l' individuo kiel membro de la societo", de l' individuo, edukita per nova kaj pli larĝa nocio de la laboro.

Por atingi tiun celon por laŭplana laboro estas necesa la unuiĝo de la tutmondaj instruistoj. Oni serĉas la karakteron de la sociala aliformado kaj oni serĉas laŭ tiu ŝanĝo la kriterion de la nova eduko. Oni trovas, ke la dominanta direkto de la aliformado estas la evoluo de la tekniko. Dr. van der Leeuw (Holando) diris: La tekniko per venko super spaco kaj spiritaj diferencoj praktike kreis mondunuecon kun utila cirkulado de ideoj, produktaĵoj, mono, organismon kun impresiĝema nervsistemo, per kiu ĉiu parto de l' organismo tuj ekscias la okazaĵojn en la aliaj partoj. Kiu ekkonas tion, ne pli longe povas opinii, ke nacioj povas esti ne-ligitaj aŭ eĉ malamikaj grupoj. Ne estas eble, ke la produktado kaj la distribuo estas privata afero de la nacioj. Adapti la vivon al la fakta realeco de la tekniko signifas transiron de l' anarkio en organan unuecon, signifas ekkonon de la komuna respondeco.

Ankaŭ Prof. Piaget (Francujo) tiel vidas la veran esencon de la tekniko. Li diras: La antagonismo inter tiu realeco kaj la konsciostadio de la homoj estas la kaŭzo de la nuna ĥaoso. Egaligo de la realeco kaj de la konsciostadio estas necesa. La infano estas la aktiva homo de l' estonteco. Estas tasko de l' eduko, formi novan homon. La infanoj serĉas kooperon. La ĝisnuna instruado ĝenerale subpremis tiun emon de l' infano. Prosperigi la kooperon kondiĉas radikan reformon de l' instruado.

Van der Leeuw diras: La mondunueco kreita per la tekniko nur estas fizika kaj intelekta afero, sed ne tuŝas la unuecon de la interna vivo de l' homo. Per la teknika meĥanikigo suferas la interna vivo, sed el tiu interno venas la valorsentoj de l' homo, kaj tiuj montras al li la moralan uzon de l' objektoj. La perdo de la interna unueco kaŭzas la skismon en la homa psiko. La homo kreis teknikan mondunuecon, sed lia sentvivo koncerne la politikon kaj ekonomion apartenas ankoraŭ al la spirito de la mezepoko.

Van der Leeuw diris: Tio estas kulpo de l' eduko. Oni disigis la infanon de la vivo. Tia disigo kaŭzas la skismon en la konscio. La eduko ne disigu la infanon de la vivo, sed penu, ke ĝi estimu la tutecon de la vivo. Ĝi ne nur donu la konojn, ĝi devas flegi la valorsentojn kaj la komprenon por la organa mondunueco. La infano ricevu novan ideon pri la realeco influitan per nova kompreno de la laboro, ne apartigante intelektan kaj neintelektan laboron. Oni atingas tiun celon nur per praktika laboro.

Prof. Dessauer (Frankfurt) akcentas kaj jesas la unuigantan, demokratigan tendencon de la tekniko. Sed li montras du konsekvencojn, gravajn por la eduko. La movofteco kaj la movrapideco en la vivsfero kaj en la taskoj, la granda vivmalcerteco postulas turniĝeblan, adaptiĝeblan homon, kapabla adaptiĝi al novaj situacioj kaj taskoj. Tio minacas la internan vivon de la homo. La eduko havas la taskon, krei kontraŭŝarĝon, ĝi devas profundigi la etikon kaj la senton por respondeco.

D-ro Gebhardt (Hamburg), kiu parolis pri la ideo de la komuneco en la instruado, rifuzas tiun duoblan taskon. Li pensas, ke la individuo, kiu helpe de la tekniko altiĝis ĝis la liberalismo, havas la taskon, krei la komunecon. Tio ĉi estas ankaŭ tasko de la eduko.

Helene Parkhurst (la kreintino de la Daltonplano) postulas la kunrespondecon de ĉiuj individuoj kaj aktivan kunlaboron. La instruado devas helpi, tial radikala novorganizacio de la instruado estas necesa. Ĝi devas doni liberecon al la lernanto. La libereco estas rimedo por la evoluo. La lernanto devas senti sian respondecon por la libereco. La helpilo estas la reala laboro. La lernejo nur devas esti unu el la laborejoj de la mondo.

Oni estas konvinkita je la potenco de la eduko. Mr. Macdonald (Usono) prezentas tiun tradician opinion de la amerikanoj. Li nur kredas la solvon per la eduko, se la instruistoj riskas reprezenti la ideojn de la mondunueco. Ili devas postuli la pacon, alikaze la nova eduko nur produktus pli alte klerigitan viktimaron por la granda milita buĉejo.

Unu grupo traktis la familian edukon. Oni parolis ofte pri multaj malnovaj aferoj. Atentinda estis la parolado de Lindeman pri la valoro de la familio en la sociala rekonstruado. Reveninte el Rusujo li parolis kun granda respondeco. Li demandis: En kiu maniero la familio povas helpi rekonstrui la socion? Socia rekonstruado estas fundamenta ekonomia reformo, estas kreado de novaj sociaj formoj. La familio estas demokrata socio. Ĝi povas kapabligi siajn membrojn por la grupvivo kaj gruplaboro, ĉar la grupoj faros la rekonstruadon, kaj la grupoj estas la rekonstruado mem, estos helpilo kaj estos efiko.

Eduko kaj la socia problemo de la infano estis la temo de D-rino Maria Montessori. Ŝi parolis pri konataj ideoj, kiuj validos ĉiam, pri la valoro de la amo, pri la valoro de la atmosfero de la konfido, pri la ideo de la senarmigo en la eduko. Samtempe kun la kongreso okazis la kongreso de la Montessori-societo. En la lecionoj oni povis admiri la ekzakte elpensitan sistemon. Oni vidis, ke la sistemo enhavas geniajn ideojn. Sed tio estas malvarma mondo, parolanta el la geometrie aspektantaj infanlaboroj.

Oni starigis multajn kaj grandajn devojn de la instruo. Nature oni devis tuŝi ankaŭ la problemon de la preparo por instruisto. Prof. Schneider (Köln) parolis pri la prusa instruistakademio. Cititaj estas la ideoj de Prof. Rugg kaj Prof. Boyd (Glasgow). Rugg, kiu deklaras la dudekan jarcenton kiel epokon de la instruisto, deziras la edukitecon de sociale pensanta edukisto, sociologie kaj ekonomie instruita, vivanta laŭ sia propra vivfilozofio. Li metas en la mezon de la akademio la laboron de la ekzerclernejo kaj la kooperon kune kun profesoroj, studentoj kaj infanoj. Li postulas unuiĝon de instruistoj kaj studentoj en veraj kulturgrupoj, kie samaj interesoj povas kunlabori, kie antipodaj ideoj kaj tendencoj povas esti diskutataj.

Prof. Boyd akcentas la demokratan bazon de la klereco. Ĉiuj instruistoj devas formi unuecan instruistaron. Tial la fundamento de ilia klerigo estu la sama. Li rifuzas specialpreparon de la estontaj inspektoroj, li rifuzas la disigon de la instruistoj de la diversaj lernejspecoj.

Specialpreparo nur sur la sama bazo, — la universala postulo, formi la plenvaloran homon por la vivo socia, estas la enhavo de tiu bazo. Li komparas la studiron de la kuracisto kaj de la instruisto. Li akcentas, ke ja ankaŭ por la variaj fakkuracistoj la bazo estas egala.

Oni multe parolis ankoraŭ pri la eduko kiel solvo de la ĥaoso. Sed oni ne akcentis sufiĉe, ke la eduko dependas de la socia situacio kaj ke tiu cirkonstanco signifas devon por la edukisto. Oni devas pensi al malsataj infanoj en malpuraj plenplenaj klasoĉambroj, al forprenitaj laboreblecoj, influogrupoj, detruantaj edukidealon. Kie estas tiam la influo de la eduko?

D-rino Elisabeth Rotten prave memorigis la kongresanojn, ke 1932, la jaro de Nice, ne plu estas 1921, la jaro de Calais. Oni ne povas havi la entuziasmon optimistan de la estinta tempo. La postulato de hodiaŭ estas grava, pacienca, malrapida, trankvila firmeco. La kredo, ke la eduk-

isto kolektas la konstrucelajn fortojn signifas gravan devon por li. Li devas kunlabori ĉe la novkonstruo de la socio, devas kunlabori tie, kie li povas helpi laŭ siaj talentoj.

Ne estas eble, eduki la junularon en nova senco por malnova, hardigita mondo. Aŭ malantaŭen aŭ antaŭen. Kompromiso ne estas ebla. — Estis necese, ke tio — kvankam jam tuŝita — refoje klare estis akcentata. — Sekcia laboro traktis la problemon de internacia interkonsentiĝo. Raporto de Prof. Becker, (prusa eksedukministro) kiu konas multajn fremdajn kulturojn laŭ propra intuo, traktis la temon „Socia aliformado kaj eduko“ konsiderante la diversecon de la popoloj. La sociologiaj kaj pedagogiaj problemoj, kuŝantaj en la temo eduko kaj socia aliformado baziĝas en la psikologio de la popoloj. Ekzemploj montras, ke la rilato de la eduko kaj de la socio ŝanĝiĝas laŭ la cirkonstancoj en la diversaj landoj (Germanujo — Usono — Italujo — Rusujo — Ĉinujo). Ne estas eble trudi la samajn kondiĉojn al fremdaj spiritstrukturo. La varieco de la popoloj, la varieco de iliaj vivproblemoj kaj solvoj devas esti rekonata. Tamen koopero estas ebla.

Vera kunlaboro en la sekcia laboro por internacia interkonsentiĝo ne estis ebla, ĉar ne ekzistis vera internacia scipovo, ĝi ankaŭ ne ekzistis en la tuta kongreso. Mankis internacia helplingvo. Oni opiniis ke scipovo de la angla lingvo sufiĉas. Tio ne estas ĝusta. Multaj membroj ne komprenas. Tuj en la komenco de la kongreso oni traktis la problemon de la helplingvo. Amika salutletero de T. A. G. E. estis prelegata*).

Kaj ni firme kredas, ke la ideo de via Internacia Ligo, la ideo de Internacia Kunlaborado kaj Homara Solidareco, superos la nuntempan socian reakcion.

Ni Esperanto-instruistoj sincere salutas vian laboron por nova eduko al la homara socio. Kaj ni deziras esti — en modera grado — viaj kunbatalantoj por tiu sama alta celo.

Ni ĝoje konstatas la amikajn interrilatojn inter via Ligo kaj nia asocio. Kaj ni esperas, ke Esperanto estonte pli kaj pli povos faciligi la internaciajn laborojn de via Ligo.

Prof. Bovet parolis pri Esperanto, la anglo Rossiter pri Basic English. Li opinias ke Basic English estas la plej taŭga helplingvo. Ĝi havas nur 850 vortojn, 600 substantivojn, 150 adjektivojn, 100 konstruvortojn. Estas eble, formi novajn vortojn per derivado. La angla gramatiko estas rudimenta kaj simpla. Li diras, ke Basic English estas la plej bona solvo, ĉar 500 000 000 da homoj uzas la anglan lingvon. Prof. Bovet akcentis la neceson de helplingvo, li akcentis ankaŭ la laboron ĝis nun faritan per Esperanto. Li pruvis ĝian taŭgecon per la sukcesoj en esperantaj mondkongresoj jam ofte okazintaj. Li akcentis la veran internacian spiriton de tiuj kongresoj. Debato sekvis. Sed bedaŭrinde tio estis ĉio. Estas devo absoluta, prilabori fundamente la problemon de la mondhelplingvo, oni devas trovi vojon por interkomprenο, alie, internaciaj kongresoj kiel tiu estas granda iluzio. — Oni ne povas kompreni, ke internacie pensantaj homoj ne ekkonas tion.

Per sia simpla konstruo, Esperanto estas granda helpilo. — Oni asertis, ke Esperanto estas tro artefarita kaj senspirita. Sed mi pensas, oni ne vidas la on, senpartiecon. Tio ne ĉiam estas la devizo de la registaroj. Ni malaprobas la opinion de ministro, kiu diris, ke ni estu partiaj por nia popolo en la senco de la vorto: Rajto aŭ ne — mia patrujo.

*) La temo de via laboro „Per kio eduko povas kontribui al socia progreso“ certe ne estas limigita al nacia socio, sed ampleksas la tuthomaran socion. Eduko al tuthomara socia progreso postulas interkomprenemon, objektivec-

veran realecon. Oni ne bezonas alian ol objektivan vortkomprenon. La spirito de la lingvo staras en alia sfero. Ĝi estas en la spirito de la homoj, kiuj uzas Esperanto pro sia scio pri la devo de 'a homaro, komprenigi sin reciproke. Sen taŭga mondhelplingvo internaciaj kongresoj perdas sian valoron.

Kio estas la esenco de tia kongreso? Ĝi ne povas esti scienca. Por tio la bazo estis tro larĝa. Ĝi nur povas realigi internacian kooperon, internacian interkonsentiĝon.

Se oni koncentrigus pli severe la sekvontan kongreson, se oni preparante rigardus la enhavon de la laboroj laŭ ilia valoro kaj ilia rilato al la ĉeftemo, se oni decidus, traduki kaj debati esperante, — tiam estus eble, kooperi kaj interkonsentiĝi.

Tio ĉi estus tre valora, ĉar apud la internacia instruistasocio estas ja necesa plivastigita internacia edukistasocio, por helpi kunigi iel la homaron. Estas necese ĝuste nun! Else Barthel, Leipzig.

---

# Esperanto kaj lernejoj.

Prilaborita de Albrecht Naumann, Großenhain Sa. (Germ.).

## I. EUROPO.

### 1. Ĉeĥoslovakujo.

P r a h a. La ĵurnalo „Narodni Politika" publikigis en sia lerneja rubriko kronikon pri Esp.-instruado en lernejoj diversaj, pri TAGE kaj rekomendas aliĝon al TAGE. — La revuo de ĉeĥoslovakaj instruistinoj enhavas jam delonge kronikon pri Esperanto en lernejoj. Aperis ankaŭ artikoleto pri nova Pedagogia Instituto en Mainz kaj traduko pri Hispana lerneja reformo el IPR. — Ĉiujn nomitajn laborojn faras f-ino J. Šupichova.

P r a h a. Kursoj por nevidantaj samideanoj en 2 institutoj. En Deyl-instituto — deviga por ĉiuj — 19 kursanoj, en Klar-instituto 2 kursoj: 15 ĉeĥaj kaj 12 germanaj infanoj.

### 2. Danujo.

S i l k e b o r g. La publikan paroladon je 7. 10. de Ĉe-instruistino f-ino Saxl, Berlin, ĉeestis i. a. la direktorino de virina seminario, f-ino Lang, kiu post la prelego elkore gratulis al f-ino Saxl pro ŝia bonega instrumetodo kaj rekomendis al siaj lernantinoj, partopreni en la kurso. Proks. 40 personoj partoprenas. La kurso okaziĝas en la porjunula lernejo „Kornmod", kies direktoro, s-ro Skole, nun estas fervora esperantisto.

A n d r u p. Policestro Ege, Hobro, gvidas kurson por 16 infanoj, matene 6,30 ĝis 7 h.

H o b r o. Policestro Ege faris viglan propagandon. En la vesperlernejo li gvidas grandan kurson.

R a n d e r s. Instruisto Bagge komencis instrui Esperanton en unu el siaj klasoj en la mezlernejo.

### 3. Estonujo.

T a l l i n n. La jam menciita instruista sekcio en Instruista Societo aranĝis duan kunvenon je 23. 9. Oni dividis la agadon en fakojn kaj elektis gvidantojn. La kunvenoj daŭros regule dufoje en monato. — La 26. 9. rekomendis urbestrarano J. Kana, enkonduki Esperanton en vesperaj komercajn kursojn. — La popoluniversitato enkondukis Esperanton ankaŭ en la programon de la lingvokursoj.

### 4. Francujo.

**Rezolucio**

ĉe la Loire-Sindikato,

kaj unuanime voĉdonita de la Kongreso

de la

**Nacia Sindikato de Instruado.**

Prikonsiderante,

1. ke unu el la malhelpoj por la proleta agado internacia estas la diverseco de la lingvoj;

2. ke lingvo internacia estas — krom

la interkompreniga rimedo, kiun ĉiulandaj proletaroj bezonas en sia liberiĝado —, unu el la plej potencaj rimedoj por lukti kontraŭ la milito;

3. ke la instruistoj devas efektive partopreni al ĉesigo de la priplorinda Babelismo, kiu dividas nun la laboristojn;

Prikonsiderante aldflanke:

1. ke sperto preskaŭ duon-jarcenta elmontris, ke Esperanto plene enhavas la kondiĉojn, kiujn oni rajtas postuli de lingvo internacia;

2. ke Esperanto estas ĉiutage uzata de milopaj homoj, ke okazis preskaŭ 50 Universalaj Kongresoj, neŭtralaj, laboristaj kaj teknikaj, kie Esperanto estis la nura uzata lingvo; ke la esperantista movado enhavas centojn da ĉiuspecaj organizoj, naciaj kaj internaciaj; ke ekzistas pli ol 4000 libroj en Esperanto kaj preskaŭ 100 ĵurnaloj kaj revuoj;

3. ke estis elmontrite, dank' al multnombraj eksperimentoj en diversaj landoj, ke Esperanto havas pli altan valoron pedagogian, kiu igas ĝin la vera „Latino de la Demokratio",

Pro tiuj motivoj la Kongreso:

1. gratulas la Estraron de la Nacia Sindikato pro ĝia iniciato dediĉi en „L'Ecole Libératrice" kronikon por Esperanto;*)

2. alvokas la anojn de Nacia Sindikato, fariĝi konsekvencaj internaciistoj dank' al studo de Esperanto;

3. postulas enkondukon de la lernado pri-Esperanta en la lernprogramojn, kontakte kun Internacia Federacio de l' Geinstruistaj Asocioj kaj Internacia Profesia Sindikato;

4. incitas la anojn de Nacia Sindikato al observo de intimaj kontaktoj kun la Esperantista Grupo en la Unua-Grada Instruado (G. E. E. P.) kaj al sekvo de ties kursoj, parolaj kaj perkorespondaj.

---

*) L'Ecole Libératrice de 12. nov. 1932 (pĝ. 198) enhavas la unuan lecionon pri Esperanto.

La kongreso okaziĝis en Clermont-Ferrand je 3.—5. Aŭg. 1932.

*

**Rezolucio**

**pri deviga instruo de Esperanto en lernejoj.**

Komuna rezolucio de la Var-a kaj Doubs-a sindikatoj.

La Kongreso de la Unueca Federacio de Instruado, kunvenanta en Bordeaux, la 4., 5., 6. Aŭg. 1932,

Konsiderante ke la internacia helplingvo Esperanto havas post si 45 jarojn de persvadiga kaj decidiga spertado; ke ĝi posedas organizadon por malhelpi la formo-difektiĝojn kaj transformiĝojn kun nacia aŭ individua karakteroj; kaj ankaŭ por obligi la modifojn oportunajn kun ĝenerala karaktero, kiuj povas sin trudi estonte;

Konsiderante ke Esperanto, dank' al sia simpleco kaj fleksebleco, estas por la infano edukilo, kies pedagogian valoron oni ne povas nei;

Konsiderante ke la lernejaj internaciaj rilatoj, kiuj povas esti plej grava edukilo socia kaj internacia, estos nemezureble faciligataj dank' al enkonduko de Esperanto en la lern-programojn;

Konsiderante ke Esperanto estas jam uzata de multnombraj burĝaj organizoj, nome la Internacia Labor-Oficejo; ke ĝi estas nun instruata devige en la Instruistaj Institutoj hispanaj kaj grekaj, en multnombraj sovetaj institutoj, kaj ĉefe en la pedagogiaj teknikumoj;

Ke Esperanto estas instruata ne-devige en notinda nombro de aliaj ŝtatoj, nome en Germanujo, kaj ankaŭ en francaj duagradaj lernejoj kaj multnombraj komerclernejoj;

Konsiderante ke malfruigante ankoraŭ pli la enkondukon de Esperanto en la lern-programojn, oni domaĝus treege al infanoj de la laboranta klaso;

Konsiderante ke Esperanto ne estas

celo, sed rimedo, kiun la proletoj devas ankaŭ meti je la servo de sia liberiĝo;

Esprimas la deziron:

1. ke ĉiuj geinstruistoj aliĝantaj la Federacion zorgegu studi jam de nun Esperanton, tiel ke ili estu kapablaj instrui ĝin al siaj lernantoj en plej proksima lim-tempo;
2. ke Esperanto fariĝu instruobjekto en ĉiuj lernejoj, kiaj ajn ili estu, kaj ke ĝi rajtu esti elektata kiel dua alilanda lingvo en ekzamenoj;

Komisias la Federacian Estraron interkonsiliĝi kun la esperantistoj de la Federacio por la plenumo de tiuj deziroj, nome por organizado de perkorespondaj kursoj al la geinstruistoj.

### 5. Germanujo.

Dresden. Ĉe la Pedagogia Instituto de Teknika Altlernejo gvidas s-ro Wappler liber-volan kurson je 10 infanoj de post Pentekosto 1932.

Dresden. 13. 9. solena akcepto de la francaj interŝanĝinfanoj en kazino Arnhold. Kelkaj alparoladoj, interalie de franca ĝeneralkonsulo en Esperanto. La gvidantino el Lyon scipovas Esperanton.

Kleve. Komenciĝis novaj kursoj en popola altlernejo. Gvidas unulingvanojn f-ino H. Wolff, la plurlingvanojn s-ro J. Reuschenbach.

Magdeburg. 1931/32 finis 6 kursoj kun 129 infanoj. 1932/33 partoprenas 150 infanoj en 5 kursoj, instruataj laŭ lernolibro de Degen. — Instruistoj Rockmann kaj Wottrich gvidas po unu laborunuiĝo de geinstruistoj. Pli ol 70 geinstruistoj en M. ricevis de la urba lerneja konsilisto la ateston pri instruado de Esperanto.

### 6. Nederlando.

Dortrecht. La loka unuiĝo organizas kursojn por lernejanoj. Por tiu celo la urbestraro disponigas senpage la bezonatajn lernejajn ĉambrojn.

### 7. Norvegujo.

Lillestrøm. 22. 9. en kinoteatro lumbildparolado de H. Seppik pri Estonujo por 800 infanoj. La lernejestro (eksparlamentano) Nordanger diris en la dankparolado, ke estis la plej bona instruhoro, kiun la infanoj travivis. — La 27. 9. komenciĝis infankurso por 44 geknaboj. Aliĝis multe pli, sed pro manko de loko oni devis resendi hejmen la superfluajn.

Oslo. Laŭ invito de ĉefinstruisto Kviberg, estro de norvega instrufilma komitato, H. Seppik, Reval (Tallinn), faris paroladojn pri Estonujo 11.—14. 10. en komunumaj kinematografejoj. Li montris lumbildojn kaj aŭdigis estonan muzikon al 7000 infanoj kaj kelkaj centoj da instruistoj. La paroladoj en Esperanto estas tradukitaj, kaj la infanoj sekvis kun videbla intereso. Je ilia demando pri korespondado li atentigis, ke ili antaŭe devus lerni Esperanton.

Oslo. Hans Seppik parolis dufoje por infanoj 19. 10. en Strömmen apud Oslo kaj en la gimnazio en antaŭurbo Stabekk 20. 10. Post la parolado en sia dankparoladeto la rektoro diris, ke li estas certa, ke Esperanto havas grandan estontecon. En Strömmen ĉeestis gelernantoj de la du lastaj klasoj kaj la instruistaro, kiuj estis tre interesitaj. La lernejestro esprimis la deziron, ke en Strömmen okazu baldaŭ Esperanto-kurso.

Stavanger. 25. 7. provleciono en la lernejo Solborg por ĉirkaŭ 200 geinstruistoj. Komenciĝis 2 kursoj por geinstruistoj. — 5. 8. finiĝis la kursoj en Solborg-lernejo, kaj la kursanoj pruvis sian lingvan kapablecon en malgranda ekzameno antaŭ multnombra aŭskultantaro, kie ĉeestis multaj eminentuloj el la lerneja fako.

### 8. Svedujo.

Norrköping. En la pasinta somero la loka grupo invitis s-ron Erland Weber el Wiesbaden. Meze de Sept. s-ro Weber

revenis al Norrköping kaj aranĝis la preparan laboron tiel bone, ke oni devis aranĝi sep diversajn kursojn (komencantoj, progresintoj kaj infanoj). En la infanaj kursoj partoprenis 130 infanoj. La instruado okazas laŭ nova rekta metodo.

## II. AMERIKO.

### 1. Brazilio.

Rio de Janeiro. La ministro de edukado permesis la malfermon de nedevigaj kaj senpagaj kursoj de Esperanto ĉe la Kolegio Petro II, kiu estas la modela instituto de ĉiuj brazilaj duagradaj lernejoj kaj la sola instruejo subtenata de la Federala Registaro. — Ankaŭ la Direktoro de la Publika Instruado en Rio de Janeiro permesis la malfermon de nedeviga kurso de Esperanto ĉe la Instituto de Edukado, kiu diplomas la unuagradajn geinstruistojn.

## III. AZIO.

### 1. Japanujo.

Jokohama. En Komerca Kolegio fondiĝis nova grupo.

Meiji. Esperanto-grupo en farmakologia kolegio havis sian someran domon ĉe la intermonta varmfonto Tanigaŭa de 10. 7. ĝis 19. 7.

Sendai. Fervoraj liceanoj en Sendan-liceo eldonas semajnan hektografitan gazeton por disdoni ĝin en la lernejo.

Tohoku. La studenta gazeto de la Medicina Fakultato en Imperia Universitato enhavas ĉiunumere Esperanto-rubrikon por gvidi internacian korespondadon inter studentoj kaj ofte publikigas tradukon de interesa korespondaĵo.

Uasada. Esperanto-grupo en Uasada-Universitato malfermis la someran kurson ĉe la marbordo de Inage de 4. 7. ĝis 31. 8.

---

# Polaj esperantistaj lernantoj de Ŝtata Klasika Gimnazio en Bydgoszcz

**(dum la jaroj 1929/31—1931/32).**

La mondhelplingvon Esperanto kiel nedevigan lernobjekton oni komencis instrui en ĉi tiea gimnazio unuafoje en la jaro 1929/30 laŭ la permesordono de Klériga Ministerio el la jaro 1929. Speciale aranĝitajn kursojn gvidis kaj gvidas ĝis nun Prof. Sygnarski, aŭtoro de la unua lernolibro por gejunularo de mezlernejoj, eldonita de „Scienca Esperanta Rondo en Bydgoszcz".

Pri la granda intereso de junularo al ĉi tiu lingvo atestas plej bone la fakto, ke anoncis sin tuj 106 lernantoj el la superaj klasoj (V—VIII), t. e. pli ol 66%. Post la 4-monata lernado oni komencis la korespondadon, t. e. interŝanĝadon de bildkartoj kaj leteroj kun diverslandaj esperantistoj, plej ofte kun samaĝuloj. Oni devas nepre konstati la grandan intereson de lernantoj al ĉi tiu agrabla kaj kurioza pensinterŝanĝo kaj samtempe ilian deziron al propagando de nacia kulturo inter membroj de diverslandanoj.

Pri la granda intereso atestas ankaŭ la nombro de forsenditaj kaj ricevitaj korespondaĵoj en la tempo de apenaŭ 6 monatoj. Oni korespondis kun sekvantaj eŭropaj landoj: Anglujo, Aŭstrujo, Belgujo, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Estonujo, Finlando, Francujo, Germanujo, Greklando, Hispanujo, Hungarujo, Italujo, Jugoslavujo, Latvujo, Nederlando, Rumanujo, Svedujo, Svisujo kaj Turkujo — kaj ankaŭ kun la ekstereŭropaj landoj: Argentino, Brazilio, Ĉinujo, Egiptujo, Japanujo, Kanariaj Insuloj, Nov-Zelando, Persujo kaj Usono — entute kun 30 landoj. Plejnombre oni korespondis kun Germanujo, Latvujo, Nederlando kaj Svedujo. Oni forsendis entute 457 bildkartojn kaj 119 leterojn, kaj oni ricevis el

eksterlando 295 bildkartojn kaj 82 leterojn.

La ciferoj rilatantaj al korespondado, estis bazitaj sur la persona kontrolo de profesoro, kiu por la fervora korespondado donis bonajn cenzurojn sur la lernejaj atestoj. Ĉi tio bone klarigas la aferon, ke la lingvo Esperanto estas la plej facila, kaj oni povas ĝin uzi jam post dekkelkaj lecionoj. La ĝojo, kiun travivas la junularo ĉe lernado de ĉi tiu lingvo, ne estas trovebla en iu ajn lernobjekto, kion atestas unuopinie ĉiuj enlandaj kaj eksterlandaj instruistoj de Esperanto sur la bazo de sia praktiko. Per minimuma fortostreĉo — grandega profito kaj samtempe la kontenteco, faktoro tre grava en la lerneja instruado, ĉar la gejunularo tuj vidas la praktikajn valorojn de la instruata objekto kaj scipovas ĝin eluzi memage. Ankaŭ oni devas konstati, ke tia korespondado estas bonega edukrimedo, kiu plifaciligas al gejunularo la lernadon de geografio kaj historio, kiu vekas pli grandan kaj pli amikan intereson al aliaj fremdlandoj, kiu fine inspiras anstataŭ malamo plenan komprenon kaj respekton al ĉiu homarano.

Dum la lasta jaro la junaj esperantistoj ne korespondadis tiel multnombre kiel en antaŭaj jaroj — certe kaŭzis tion la ĝenerala vivkrizo. Anstataŭ tio ili tre intensive kaj diligente laboris en la novfondita „Esperanta Rondo" (4. III. 1932), al kiu apartenas pli ol 50 lernantoj el superaj klasoj (IV—VII). La unua estraro de la Rondo konsistas el jenaj membroj: Sygnarski Wl. (Kl. VII) — prezidanto, Dominiczak St. (Kl. VII) — vicprezidanto, Puczyński Fr. (Kl. VI) — sekretario, Patalong J. (Kl. VI) — bibliotekisto kaj Krasicki Bogdan (Kl. V) — kasisto. Esperantlingvaj kunvenoj okazis dufoje en monato kaj celis doni al la membroj okazon por parolado de diverstemaj referatoj, por diskutado kaj libera konversacio en la Esperanta lingvo.

Ĉi tiun laboron en la Rondo ebligis antaŭ ĉio la nova, mirinda konversacia metodo de pastro Cseh, aplikata en la instruado de Esperanto dum la lasta jaro kun granda sukceso. Ĉi tiu metodo, lerte aplikata, kondukas al eksterordinaraj rezultoj, netroveblaj en la instruado de aliaj modernaj lingvoj, kaj kaŭzas, ke jam post 16 lecionoj la junularo, arigita en la Esperanta Rondo, povis labori tiel efike kaj sukcesplene. Dum la mallonga tempo okazis dekkelkaj deklamoj kaj sekvantaj referatoj: 1. Kiel mi fariĝis esperantisto (kun uzado de epidiaskopo kaj lumigado de pli ol 50 esperantaj bildkartoj) — Prof. Sygnarski. 2. La stranga aventuro en la tramveturilo — rakontis humorplene s-ro Fethke Stefano, la kasisto de la „Scienca Esperanta Rondo". 3. Mia unua vojaĝo de Afriko al Eŭropo — s-ro Kola Ajayi, la negro, speciale invitita al kunveno. 4. Impresoj el la lasta XXIII. Esperanta Kongreso en Krakovo — Sygnarski Wl. (Kl. VII). 5. Rememoroj el 2-monata restado en Svedujo (kun lumbildoj) — Jean Forge-Fethke, la membro de la „Scienca Esperanta Rondo" kaj aŭtoro de kelkaj originalaj esperantlingvaj romanoj. 6. Esperanto kaj sporto — Dominiczak St. (Kl. VII). 7. Skolta ideo kaj Esperanto — Patalong Janusz (Kl. VI). 8. Niaj grandaj poetoj en Esperantaj tradukaĵoj — Puczynski Fr. (Kl. VI).

Krom laboro en la Esperanta Rondo la anoj havis okazon utiligi la malgrandan Esp.-bibliotekon, konsistantan apenaŭ el 24 verkoj. Ankaŭ en la „Legejo" estis por ilia uzado jenaj esperantaj gazetoj, abonitaj de gimnazio: Pola Esperantisto, Esperanto, Literatura Mondo, Juna Samideano, La Praktiko kaj Heroldo de Esperanto. Tie estis ankaŭ kelkaj ekzempleroj de Esperant—pola vortaro.

Bydgoszcz, Junio 1932.

Prof. Sygnarski.

**Kunlaboru en via fakrevuo!**

# Internacia Korespondo-Oficejo subtenata en Berlin per IALA, New York.

Marta Moelke
sekretariino de Kunlaborado de IALA, New York.

„Ĉu Esperantujo estas lando sen eĥo?“ Tiel demandis antaŭ kelka tempo nia ŝatata redaktoro en ĉi tiu revuo. Tiel estos demandintaj jam ĉiuj, kiuj, mem serioze kaj fervore laborante, spertis des pli dolore la nekredeblan indiferentecon de multaj gekolegoj. Ankaŭ mi povas kanti la plej diversajn melodiojn pri ĉi tiu temo. Mi ĉi tie unufoje devas grave plendi pri ĉi tiuj gekolegoj, kiuj min ĉiam denove seniluziigas, min ĉiam lasas malfidele en embaraso, tiel ofte, kiam mi jam petis pri ilia helpo. Mi ne kredas, ke nur unu el ili povas fari al mi la riproĉon, ke mi ne ĉiam servis al ili, tute egale, pri kio ili petis; eĉ kiam la plenumo kaŭzis al mi dumhoran laboron. Kaj kiom mi spertis en multaj kazoj kiel ekvivalenton? Tre ofte nepran indiferentecon. Kelkfoje eĉ pli malbonan. Mi ja ne petas por mi persone. Sed nur pri helpo rilate al movadaj interesoj kaj kiel sekretariino de asocio, kiu de post longaj jaroj grandanime kaj oferprete akcelas la disvastigon de mondhelplingvo. Kaj mi demandas min: kion kompenas ĉiu el tiuj samideanoj sub tio, esti antaŭbatalantoj por etika mondampleksa idealo?

Estas tre malfacile, resti idealisto; malgraŭ tiom da seniluziigoj tamen labori, tamen esperi. Tre ofte mi jam havis la deziron, forpuŝi la tutan laboron kaj ĉiujn esperojn kiel senutilaj, se ne ekzistus la aliaj. Tiuj, kiuj kuraĝas min ĉiam denove. Kiuj konservas al mi fidelon de post jaroj, kiuj helpas min per konsiloj kaj aprobo kaj efektivaj oferoj kaj laboro. Bedaŭrinde ilia nombro estas nur malgranda. Do, mi ĉiam devas peti la samajn. Sed mi ilin neniam vane petas. Ili estas enskribitaj en speciala libro kun ĉiuj agoj kaj meritoj. Sed ne nur en libro; iliaj nomoj staras ankaŭ en mia koro. Kaj tutkore mi ĉi tie volas danki unufoje publike al ili pro ilia helpemeco, kiun mi ĝis nun spertis de ili kaj peti ilin, subteni mian laboron ankaŭ venonttempe. Ili estu certaj je mia ĉiama danko.

Al ili mi dankas ankaŭ la eblecon, ke mi povas nun doni al vi la sekvantan superrigardon super la sukcesoj, kiujn mia Korespondo-Oficejo havis ĝis nun. Ili respondis al mia demandaro, kiun mi sendis antaŭ monatoj al ĉiuj, kiuj jam uzis la servojn de mia oficejo, tiel detale kaj zorgeme, ke el tio rezultas la sekvanta ĝojiga bildo. (Kiel pli ĝojiga ĝi estus, se ne nur parto estus respondinta.)

Mia oficejo peradas korespondadon por geinstruistoj kaj gelernantoj.

Ĝis nun uzis mian peradon entute 217 geinstruistoj el 28 landoj kaj 8 600 gelernantoj el 25 landoj kaj krome multnombraj klasoj sen indiko de la nombro. La landoj estas: Anglujo, Argentino, Aŭstrujo, Belgujo, Brazilujo, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo, Ĉilio, Ĉinujo, Danujo, Estonujo, Finnlando, Francujo, Germanujo, Grekujo, Hindujo, Hispanujo, Holando, Hungarujo, Italujo, Japanujo, Jugoslavujo, Latvujo, Litovujo, Persujo, Polujo, Rumanujo, Rusujo, Svedujo, Usono.

Inter gelerantoj mi peradis la sekvantajn interrilatojn:

anglaj infanoj korespondas kun danaj, nederlandaj kaj germanaj,
germanaj kun svedaj,
danaj kun estonaj,
svedaj kun aŭstriaj,
francaj kun anglaj kaj germanaj,
rusaj kun amerikaj, ĉeĥaj, francaj kaj germanaj,
brazilaj kun amerikaj, anglaj, danaj, estonaj, finnaj, francaj, germanaj, nederlandaj kaj turkaj.

El gekolegoj mi mencias, kiel kuriozaĵon, ĉinon kiu starigas rekordon rilate al multflankeco. La ĉina samideano korespondas kun: 4 gekolegoj de Anglujo,

' de Argentino, 1 de Aŭstrujo, 4 de Ĉeĥoslovakujo, 1 de Francujo, 23 de Germanujo, 1 de Grekujo, 1 de Holando, 1 de Hispanujo, 1 de Hungarujo, 3 de Japanujo, 1 de Jugoslavujo, 1 de Litovujo, 7 de Rusujo, 2 de Svedujo, 1 de Svisujo. La ekzemplo estas modela.

La interŝanĝo inter la gelernantoj okazas, rilate al la eksteraĵoj, diversmaniere. Okazas kolektiva kaj individua interŝanĝo. Solaj leteroj de la infanoj ofte estas akompanataj de letero de la tuta klaso. La tempdiferenco inter la unuopaj leteroj estas 4 aŭ 8 semajnoj aŭ kvarona jaro. Preskaŭ ĉie la instruisto, kiu peradas la korespondadon, ankaŭ kontrolas ĝin. Li ofte stimulas la temojn kaj kompletigas fuŝitan skribaĵon. La infanoj skribas kaj respondas siajn leterojn sub lia gvidado. Ricevitaj leteroj estas voĉlegataj kaj diskutataj. Demandoj el la leteroj donas direktivojn por la respondo. Ĝenerale la infanoj registras la senditajn kaj ricevitajn korespondaĵojn. Ofte la instruisto mem faras tion. Kelkfoje la instruisto skribas mem, kiam ne alvenis iu ajn respondo. Tiamaniere li starigis denove la interrompitan interrilaton. Multaj klasoj enskribas en specialan kajeron la tradukon de sia korespondado en gepatra lingvo.

Oni elektas la sekvantajn temojn:

geinstruistoj korespondas pri demandoj de edukado, instruado, vivkondiĉoj de pedagogoj en la diversaj landoj, paca movado, politiko, religio, kulturo, arto kaj etiko, moroj, la plej diversspecaj sciencoj, sporto, simpla vivo kaj naturaj kuracmetodoj ktp.,

infanoj pri lerneja vivo, plej ŝatataj lecionoj, ferioj, venonta profesio, profesio de familianoj, familia vivo, senlaboreco, elstaraj okazoj, hejmlando, klimato, bestoj, floroj, ekskursoj, libroj, moroj kaj kutimoj ktp.

Krome de leteroj oni interŝanĝas ilustritajn poŝtkartojn, desegnaĵojn, gazetojn, fotografaĵojn, muzikaĵojn, librojn, albumojn, eĉ pupojn, sukeraĵojn kaj aliajn mem faritajn donacojn ktp.

La raportantoj kritikis la sekvantajn malkonvenaĵojn: Ĝenerale la korespondemuloj ne prenas la aferojn sufiĉe serioze. Ofte ili skribas al pluraj anoncoj, sed respondas nur al unu. La aliaj perdas leteron kaj sendkostojn kaj estas seniluziigitaj. Kelkaj nepre ne respondas. La unu el ambaŭ subite ĉesas la korespondadon ne informante la alian, kiu intertempe atendas vane. Al longaj infanleteroj oni respondas nur per tre mallongaj kaj nekontentigaj. Anstataŭ multaj tre belaj desegnaĵoj, kiujn oni ricevis, oni interŝanĝas nur malmultajn netaŭgajn. Tre ofte la lingvo estas malkorekta. La ĉiam ripetataj plendoj estas: la tempdiferenco inter la apero de la unuopaj listoj estas tro granda kaj la sendkostoj estas tro altaj.

Sed la perantoj ne nur kritikis, ili ankaŭ aprobis nian aranĝadon kaj skribis al mi tre kuraĝigantajn kaj ĝojigajn vortojn pri mia laboro, dankante min per tio en la plej bela maniero. Mi bedaŭrinde povas citi ĉi tie nur malmultajn. Mi volas elekti kelkajn de diversaj landoj:

El Anglujo: Mi faris neniajn malbonajn spertojn. Laŭ mia opinio oni ne povas plibonigi la aranĝojn.

El Ĉinujo: Mi kredas, ke vi per via admirinda laboro havigas al multaj homoj en la tuta mondo multan feliĉon kaj ĝojon.

El Ĉeĥoslovakujo: La infanoj ĉiam ricevis respondon kaj ankaŭ mi, skribinte al iu kolego, ne povas plendi pri io ajn.

El Danujo: Mi treege respektas vian grandegan, ŝajne sendankan laboron.

El Francujo: Mi ĝis nun nur devas ege gratuli la Korespondo-Oficejon, kiu ĉiam helpis min kiel senpaga peranto. Unuvorte, la ĝeneralaj rezultoj estas belegaj.

El Hungarujo: Via celado estas grava.

El Litovujo: El organizita korespondado mi neniam malbonan spertis.

El Rusujo: Al vi apartenas la danko de la esperantista gekolegaro pro via multvalora laboro. Daŭrigu senlace vian efektivan fruktodonan laboron. Mi esperas, ke venos tempo, kiam limbariloj ne malfaciligos nian komunan laboron tiel ke ni povas labori tute libere por amikiĝi ĉiuj en ĉiuj landoj en unu grandega frata familio.

El Svedujo: Mi volas danki al vi kore pro via bona laboro por la infankorespondado esperanta, dezirante, ke vi ne laciĝu, ĉar tiu parto de nia movado vere estas tre necesa. Kun dankema ĝojo mi legis pri via firma volo, en nuna malfacila tempo daŭrigi vian laboron. Ke ĝi sukcesu!

Mi ricevis ankaŭ multajn tre valorajn stimulojn kaj konsilojn, pro kiuj mi estas precipe dankema al tiuj, kiuj donis ilin. Sed ne estas eble, raporti detale pri ili. Mi treege profitis el ili pripensante plibonigon de nia organizacio. Vi aŭdos ankoraŭ pri ĝi.

Sed mi volas mencii ankoraŭ aliajn ĝojigajn faktojn: Kelkaj gekolegoj uzis nian korespondo-peradon kiel propagandilon en siaj lernejoj. Ili anoncis siajn gelernantojn kiel korespondemulojn, sen ke ili scipovis Esperanton. La ricevitaj leteroj estis tradukitaj de la instruisto en la nacian lingvon kaj tradukitaj estis ankaŭ la respondoj de la gelernantoj el la nacia lingvo en Esperanton. Fine la infanoj sentis tiel grandan plezuron pri ĉi tiu interŝanĝo, ke ili petis sian instruiston, doni al ili Esperanto-kurson.

Kelkaj plenaĝuloj korespondas kun gelernantoj.

Kelkfoje geinstruistoj publikigis leterojn el la interŝanĝo en naciaj gazetoj.

En Rusujo plej interesaj leteroj estis voĉlegitaj en ĉiuj monataj kunvenoj de pedagogoj, eĉ presitaj en kluba murgazeto. Kelkaj leteroj estis senditaj al ekspozicio de internacia pedagoga kunligo.

Ankaŭ al mi oni sendis nombron da tre bonaj kaj interesaj infanleteroj.

Bedaŭrinde mi nun devas fini la aktojn pri la eĥo en Esperantujo. Sed vi certe komprenos, ke ĉiu eĥo, ĉu bona aŭ ne bona, estas vera balzamo por mia koro, ofte malesperita pri la malhelpaĵoj de mia laboro. Do, mi afable invitas vin, kara eĥo: daŭrigu soni!

---

## Infaninterŝanĝo per Esperanto.

Ke oni interŝanĝas gelernantojn de superaj lernejoj, por ke ili perfektiĝu per restado en fremda lando en iu ajn fremdlingvo, tio ne estas novaĵo en nia tempo. Tute alian celon havas la infaninterŝanĝo, kiel ĝi estas aranĝata per Esperanto. La infanoj ne devas lerni fremdan lingvon en fremda lando, sed ili devas praktike travivi la plenumon de la interna ideo de Zamenhof, ili devas amikiĝi kun fremdlandanoj kaj sperti, ke transe de la limoj de la hejmlando loĝas samspecaj homoj kun varma koro, kiuj ankaŭ portas en sia animo la saman ideon kaj vivcelon: amikiĝi kun tuthomaro. — En tiu senco daŭrigis la Esperanto-Unuiĝo de Saksaj Geinstruistoj lastsomere la infaninterŝanĝon kun Danlando, kiun la Saksa Esperanto-Ligo estis komencinta en la antaŭa jaro. Lastminute la interŝanĝo estis en danĝero pro la politikaj cirkonstancoj de la Juli-tagoj en Germanlando, sed fine 10 Germanaj infanoj el Riesa vojaĝis al Aarhus (Jutlando) kaj alvenis 8 Danaj infanoj el Aarhus en Riesa por refreŝiĝi dum 4 semajnoj. Ĉar la alveno de la Danaj infanoj en Germanlando okazis kelkajn tagojn antaŭ la forveturado de la Germanaj, ili kune povis travivi kelkajn tagojn en Saksujo kaj poste, post la reveno de la Danaj infanoj, kune kelkajn tagojn en la hejmo de la Danoj. Dum la restado en Germanlando la Danaj infanoj konatiĝis kun la vidindaĵoj de Saksujo, dum ke la Germanaj infanoj en Aarhus

ĝuis la salan marakvon per banado ĉiutaga kaj per velboatveturado. Je la fino de la restado de la Germanaj infanoj en Danlando okazis surprizaĵo ĝojiga: por la Esperanto-interŝanĝ-infanoj estis donacita sufiĉe granda landparcelo kun apuda marbordo sur la duoninsulo Mols, kiu situas sur la kontraŭa marbordo en la proksimeco de Aarhus. — Ambaŭflanke de la interŝanĝo oni plenumis la internan ideon: oni alproksimiĝis ne nur, sed oni amikiĝis kaj lernis ŝati kaj ami ankaŭ la patrujon de sia „malbonvola" najbaro.

K. K.

---

## Aŭtuna festo de la Esperanto-gelernantoj en Gohlis-Dresden.

„Kun la infanoj en la fabelan landon!" Tio estas la devizo, laŭ kiu lernejestro Hahn arangis porinfanan Esperanto-prezentaĵon, kiu estis vizitita ne nur de la gepatroj de la malgrandaj aktoroj, sed ankaŭ de multaj gastoj kaj skolaj interesuloj, inter ili eksuperlernejkonsilisto D-ro Kraner, Dresden. Ne ĉie oni havos tiom spertajn Esperanto-infanojn por prezenti tiom ampleksajn kaj por la infanoj ne facilajn prezentaĵojn. La gelernantoj en Gohlis estas la solaj en Saksujo, kiuj malgraŭ krizaj dekretoj havas la preferon, viziti devigan Esperanto-instruadon. La sukceso, atingita de la infanaktoroj, estis mirinde granda. Precipe valora ne nur por la prezentado mem, sed por la faka literaturo estas la enhavo, kiun senescepte mem verkis s-ro Hahn. Ĝi estas bona komenco por branĉo de nia faka literaturo, kiu nun ankoraŭ estas tute malriĉa aŭ eĉ ne ekzistas: oportuna Esperanto-literaturo por infanoj. La verkanto Hahn elĉerpis el la fonto de la Germanaj fabeloj kaj faris el ili plaĉigemajn versojn, kiujn la infanoj teatre deklamis aŭ kantis, ekz. „Vireto en la arbaro", „Ruĝĉapeto", „La kuraĝa tajloro", „Or-Manjo kaj Peĉmanjo" kaj „La porgiganta ludilo". Ankaŭ tiu, kiu ankoraŭ ne ŝatas Esperantajn rimojn, certe konsentos, ke tio estas io oportuna kaj urĝe dezirata por niaj Esperanto-infanoj. Eble IPR prezentos al ni kelkajn provojn el ili je okazo.

K. K.

---

## „Instruista sekcio" en Estonio.

En Estonio oni arangis „Instruistan sekcion" ĉe la neŭtrala esperantista societo „Espero". La ĉefaj celoj de tiu ĉi sekcio estas: prepari pli multe da bonaj esperantaj geinstruistoj kaj laŭeble enkonduki instruadon de esperanto en lernejoj.

Adreso: S-ino F. Gutmann, Kaupmehe 6, k. 1, Tallinn.

---

## Recenzo.

Tre valora estas informilo pri „La Internacia Labora Organizaĵo (konstitucio, agado, rezultatoj), Ĝenevo 1932. Ĝi enhavas ĉion sciindan pri tiu organizaĵo, kiu reprezentas parton de la pozitiva sed ofte forgesita agado de la Ligo de Nacioj. La unua direktoro, fama A. Thomas, mortis la 7-an de Majo 1932.

---

## Stranga rompo.

La 1-an de oktobro 1932 la ĝisnuna direktoro de l' Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko en Leipzig-o estis transdonanta sian oficon al s-ro D-ro Schreiber (Leipzig-o). La nova direktoro jam la 2-an de februaro 1932 forlasis Esperanto-Asocion de Saksaj Geinstruistoj pro ne klare ekkonebla kaŭzo. Li malkonsentas la principojn de l' Interna Ideo, laŭ kiuj IPR estas redaktita kaj redaktata. La Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj estis sen influo ĉe tiu enoficigo. La okazaĵo staras sub la signo de la politika krizo en Germanlando.

Esperanto estas bona afero, bedaŭrinde kelkaj Esperantistaj Oficuloj estas kuriozaj aferuloj. TAGE fosadas sian sulkon laŭ la sentenco de Montesquieu:

„Se mi konus ion, utilan por mi kaj malprofitan por mia familio, mi forpelus ĝin el mia spirito. Se mi konus ion, utilan por mia familio kaj ne por mia patrujo, mi provus ĝin forgesi. Se mi konus ion, utilan por mia patrujo kaj malprofitan por Eŭropo kaj la homaro, mi opinius ĝin krimo."

# Trioble tri minutoj.

**Intervjuo pri AELA.**

„Nun post UEA, ICK, KR, LKK — ankoraŭ unu mistera organizaĵo!" mi kriis kun indigno, kiam mi legis prospekton de AELA. „Fulmotondro! Kion ili volas? Monon? Kompreneble. Kion ili donas? Librojn. Ah — librojn! Jen alia afero. Ni rigardu. AELA volas doni al siaj membroj librojn, librojn kaj ankoraŭfoje librojn. Bone. La prezo? La kostoj? En tiu ĉi momento mi ekprenas mian kapon, miaj okuloj vastiĝas kiel aŭtoradoj, mi elkrias: „Bleier, vi bankrotos! Vi freneziĝis! Vi ruinigos vin mem, la eldonejon kaj nin kompatindajn verkistojn ! !"

Rigardu! Programo de AELA por 1932: 6 libroj, preskaŭ sume 2000 paĝoj, inter ili originalaj kaj tradukitaj romanoj, riĉe ilustrita libro pri pentrarto, Hungara Antologio kaj — Enciklopedio de Esperanto, ĉiuj libroj kune en la valoro de sv. fr. 55.— riceveblaj por (nur!) 13 sv. fr. 50 centimoj.

Blufo? Aprila ŝerco? Simpla preseraro? . . . Mi kuregas al la telefona aparato. Mi devas averti, protesti en la nomo de la malsatantaj verkistoj . . .

„Hallo! Interurban centron!" Procedo enuiga. „Jes, 380—84!" Ekscitite mi atendas ĉe la aparato. Fine sonorigo.

„Hallo! Kiu tie? . . ."

Malproksima voĉo respondas:

„Hallo! Bleier!"

„Bonan! Ĉi tie, ne miru, Forge! Aŭskultu, mi estas tute ekscitita. Mi ĵus legis pri via AELA. Prezoj neeblaj."

Min interrompas voĉo tute natura, neniom surprizita, kvazaŭ okazus tute ĉiutaga afero:

„Trankviliĝu! Ĉio estas en ordo. La afero estas simpla. Ĝis nun la Esperantaj libroj estis multekostaj. Tial ili vendiĝis en pli kaj pli malmultaj ekzempleroj. Sekve, ili devis fariĝi ankoraŭ pli multekostaj. Sekve ili vendiĝis en ankoraŭ pli malmultaj ekzempleroj. Jen la vera »peka cirklo«, en kiu komencis jam tute sufokiĝi la Esperanta literaturo. Nun, kion ni volas fari? Turni la direkton en la cirklo. Doni malmultekostajn librojn, sekve vendi pli multajn ekzemplerojn, sekve ankoraŭ pli malaltigi la prezojn, sekve vendi ankoraŭ pli multajn ekzemplerojn. El la »peka cirklo« ni volas fari »virtan cirklon«."

„Bonegaj ideoj!" mi konsentas. „Sed ĉu vi ne timas, ke la libristoj unuanime-unumane vin ŝtonumos?"

„Ne, ĉar ili nepre rekonos pli aŭ malpli frue, ke la malkara libro neniam malutilis al la libristoj. **Ĝi ja kutimigas la homojn legi.**"

„Vi pravas! Estas fakto ke ekzistas miloj da Esperantistoj kiuj avidas aĉeti librojn, sed pro la krizo ne povas elspezi tiom da mono. Sed ĝuste tiuj krizaj tempoj — ĉu vi ne timas ilin?"

„Krizaj tempoj? Ili ĝuste favoras nian AELA. Ĉar kion la Esperantistoj faros sen AELA? . . ."

„Hallo! Tri minutoj pasis!" interrompas mistera voĉo.

„Ankoraŭ tri minutojn!" mi krias. „Vi estas terura optimisto!"

„Mi dankas la komplimenton! La plano de mia AELA volas venki la krizon. Neniu havas monon, almenaŭ ne multan. Kontraŭ tiu malagrabla fakto oni povas batali nur per malaltaj prezoj. La ĝisnunaj

prezoj, inter la nunaj cirkonstancoj, kondukas neeviteble al la ĉesigo de ĉia eldonagado, ĉar la libroj nehelpeble ŝimiĝus en la magazeno. Sed la kvaronigo, eĉ kvinonigo de ĉi tiuj prezoj povos savi la situacion. Precipe, ĉar oni ja povos pagi ankaŭ en partoj. Pripensu ke la membrojn de la AELA ŝarĝas monate malpli ol 1,5 sv. fr., do tage malpli ol 5 centimoj. Kaj por tiu sumo ili havos jare ses ampleksajn librojn, kaj krome ankaŭ recenzgazeton, kiu raportos vigle pri nia tuta literatura vivo."

„Kion vi diras!" mi demandas surprizite. „Ankoraŭ recenzgazeton? Ne, tio estas tro, tio ne volas eniri mian kapon!"

„Ĉu ne inde aniĝi? Ĉu oni ne povas esperi, ke tiel oni tranaĝos la krizon? Nia ŝipo certe estas bone ekipita, havas elektitajn ŝipanojn, prenis bonan direkton . . ."

„Bone, bone —" mi diras nervoze. „Sed se oni ne havas eĉ kvin centimojn tage?"

„Hallo! la dua triminuto pasis!" malagrablas ree la mistera voĉo.

„Ankoraŭ tri!" mi insistas kiel ebriulo, kiu mendas la trian botelon.

„Jes, ankoraŭ tri!" eĥas alia drinkemulo ĉe la transa fino de la drato. „Kion vi diris? Se oni ne havas"

„— se oni ne havas tiujn 5 centimojn!"

„Kiujn centimojn?"

„Nu tiujn diablajn 5 centimojn tage por esti membro de AELA ? ! . . ." mi krias ekscitite, ĉar mi volas elprofiti la lastajn tri minutojn.

„Nu, povas ja kuniĝi du personoj po 2,5 centimoj tage, aŭ tri personoj po 1.66 centimoj, ili povas kune legi kaj poste inter si dividi aŭ lotumi la librojn."

„Mi komprenas."

„Tial ankaŭ la programo estas tiel varia! Ĉiu trovos konvenan verkon por si! Jam la 640-paĝa interesega Enciklopedio de Esperanto valoras pli, ol la tuta sumo, kiun oni pagas por ĉiuj libroj!"

„Bone, bone, bonege!"

„Kion bezonas Esperanto? Librojn! Pli ol iam ajn! Por la lingvo, por la movado, por la verkistoj! Librojn, por kiuj estis inde lerni la lingvon!" ekscitiĝas la voĉo ĉe la transa fino de la drato. „Ni povus diri sen fanfaronado: entrepreno tiel grava kaj utila por nia lingvo kaj movado, ke ĉiu esperantisto devas ĝin subteni! Sed ni tute ne volas voki al ia »esperantista oferemo«, kiun ni tre alte taksas, sed je kiu ni jam delonge ĉesis kalkuli. Prefere ni povus diri, ke ni ne volas **ricevi** donacon, ni volas **doni** donacon. Sed ankaŭ tion ni ne diras."

„Momenton, haltu, ankoraŭ unu demandon ! !" mi krias.

„Ĉi tie ne temas pri donaco, sed pri ambaŭflanka reciproka gajno, sur la bazo de prudenta kaj reala kalkulado."

„Unu gravan demandon: kiel vi imagas al vi la aferon kun la verkista . . ."

„Ni konstruas aerkastelon el ŝtono kaj ŝtalo kaj invitas loĝi la esperantistojn por la plej malalta luprezo! . . ."

„Haltu, poeto! Nur unu demando: la verkista honorario ! ?"

„Tri minutoj pasis!" krias la Fata Voĉo.

„Ĝis revido en Parizo!" la alia.

„He, he, hallo, ĉu la honorario same estos kvinonigata ? ? . . ."

Responde la telefono sonoris en miajn orelojn kaj eĥe ripetiĝas la bela frazo „Ni konstruas aerkastelon el ŝtono kaj ŝtalo kaj invitas loĝi la Esperantistojn por la plej malalta luprezo . . ."

. . . Post unu horo alvenis telegramo. Mi ŝire malfermis ĝin. Miaj manoj tremis, kiam mi legis la tekston:

> 1000 membroj por AELA jam alighis stop malgraŭ prezredukto ni decidis duobligi verkistan honorarion
>
> L. M.

Post tiu ĉi telegramo mi estis kortuŝita. En tiu ĉi momento mi konfesis, ke tiu ĉi AELA estas la plej mistera organizaĵo de Esperantujo, ke ĝi estas la plej grandioza entrepreno de la dudeka jarcento . . .!

Jean Forge.

(Laŭ deziro de Literatura Mondo.)

**La venonta numero aperos en februaro 1933.**

**Konservu ĉi tiun folion,**
**kiun vi bezonos estontatempe pro la numeroj de la korespondantoj!**

# Korespondo-Oficejo

Listo 16

## A

1. Nomo (Antaŭ- kaj Patronomo)?
2. Profesio? (en kia speco de lernejo la kolego instruas?)
3. Aĝo?
4. Loko? a) strato aŭ domo, b) urbo aŭ vilaĝo, c) provinco aŭ distrikto, lando ktp., d) regno.
5. Deziras korespondi kun?
6. Deziras korespondi pri?
7. Specialaj deziroj?

NB. Estas necese, skribi tre legeble kaj per latinaj literoj.

Al 2. nesufiĉas la vorto „instruisto"; estas dezirinde, ke ĉiu tre klare diru, en kia-grada lernejo li instruas.
Al 3. La mencio de l' aĝo ŝajnas rekomendinda pro diversaj kaŭzoj.
Al 4. Ekzistas tre diversaj manieroj, sciigi pri adreso. Ni nepre devas uzi la saman manieron por eviti konfuzojn. Do, ĉiuj estas petataj doni sian adreson laŭ la proponita maniero.
La demandsigno (?) montras, ke pli detala informo laŭ la skemo estas dezirinda.

**N-ro 203.**
1. Dim. Snejko 2. doktoro, instruas en medicina instituto kaj esperanta supera lernejo 3. 31-jara 4. a) Poŝtkesto 33 b) Minsk d) Rusujo 5. ĉiuj landoj 6. industria kaj lerneja higieno, gazetaro, literaturo, internacia lingvo ktp. 7. interŝanĝas librojn, gazetojn, ĵurnalojn en Esperanto kaj ankaŭ en franca, germana kaj hispana lingvoj.

**N-ro 204.**
1. Franz Mück 2. instruisto en du-klasa popollernejo 3. 31-jara 4. b) Rauchenwarth c) Post Schwechert d) Aŭstrujo 5. ĉiuj landoj, prefere kun kolego en vilaĝa lernejo 6. demandoj pri instruado kaj ĉiutaga vivo de instruisto.

# B

1. Lando kaj loko de la lernejo? 2. Speco de la lernejo?
3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondi? 4. Aĝo de la lernant(in)oj?
5. Ili deziras korespondi kun? 6. Ili deziras korespondi pri?
7. Nomo kaj adreso de la „peranto“, kiu aranĝos la korespondado-aferon?

NB. Al 2 estas nepre necese diri, kiu estas la grado de la koncerna lernejo, ĉar la korespondado funkcios nur inter iom egalinstruitaj lernantoj.
Al 3. Nepre necese!
Al 4. Vidu al 2.!
Al 5. Kie la lernantoj ne elektas korespondantojn el speciala lando, oni simple diru
Al 6. Verŝajne specialaj deziroj estos konstateblaj nur dum la korespondado mem.

N-ro 154.
**Rusujo.** 1. Minsk 2. laborista lernejo 3. 20 4. 17—28-jaraj 5. ĉiuj 6. politikaj, ekonomiaj kaj kulturaj problemoj 7. PEK-Centro, Poŝtkesto 33, Minsk (Blankrusio).

N-ro 155.
**Germanujo.** 1. Berlin 2. popollerneja infangrupo 3. 9 knaboj kaj 4 knabinoj 4. 10—13-jaraj 5. ĉiuj 6. ĉiuj temoj 7. s-ro Felix Lehmann, Lychenerstr. 124/25 Berlin N. 58.

N-ro 156.
**Aŭstrujo.** 1. Wolfpassing 2. — 3. 1 lernanto 4. 8-jara 5. ĉiuj landoj 6. diversnaciaj interesaĵoj 7. Harro Linz, Wolfpassing, Post Zeiselmauer, Niederösterreich.

N-ro 157.
**Italujo.** 1. Genova 2. plejsupera elementa klaso 3. 33 lernantoj 4. 8—12-jaraj 5. ĉefurba fremda lernejo elementa 6. iu ajn temo 7. Prof. Dott. Aldo Schmuckher, Corso Torino 33-14, Genova.

# C

Skemo ne povas esti starigata, ĉar la deziroj estos tre diversaj. En ĉi tiu rubriko oni anoncu siajn dezirojn, ordigante la sciigojn laŭeble same kiel en skemo A aŭ B.

N-ro 25.
1. Felix Lehmann 2. gvidanto de la Berlinaj infan-grupoj (seruristo) 3. ? 4. a) Lychenerstr. 124/25 b) Berlin N. 58 d) Germanujo 5. ĉiuj landoj 6. infana movado.

N-ro 26.
1. Erika Linz 2. terkulturistino profesie kaj prizorgistino 3. 36-jara 4. b) Wolfpassing, Post Zeiselmauer d) Aŭstrujo 5. eksterlandaj gesamideanoj, interesitaj aŭ laborantaj en prizorgo aŭ profesie aŭ libervole 6 prizorgaj institucioj de ŝtata aŭ privata sociala helpo.

N-ro 27.
1. Konrad Schmid 2. seminaristo 3. 18-jara 4. a) Regensburgerstr. 25, III b) Straubing d) Germanujo 5. samideaninoj el Hispanujo, Rusujo, Italujo 6. iu ajn temo.

N-ro 28.
1. Luitpold Kunzelmann 2. misiista studento 3. 19-jara 4. a) Missionsseminar St. Joseph b) Reimlingen c) Schwaben d) Germanujo 5. Francujo 6. iu ajn temo.

## Karaj gekolegoj,

Mi petas vin, ke vi transdonu la enmetitan alvokon al viaj gelernantoj, kiuj serĉas korespondadon kaj instigu ilin, multnombre partopreni. Ju pli ili sekvos mian alvokon, des pli mi kapablos sukcesi en tio, kion mi celas. Mi ĉi tie ne povas doni al vi detalajn klarigojn. Vi ricevos la necesajn sciigojn, kiam vi anoncos la partoprenontojn.

Por faciligi kaj pliordigi la peradon, mi petas, ke vi venonttempe uzu la servojn de la diverslandaj „perantoj“. Ili estas:

por Argentino: f-ino Nelly Siegenthaler, General Roca, F. C. C. A.;
„ Aŭstrujo: s-ro Franz Scheibenreiter, Hermanngasse 31/26, Wien VII;
„ Brazilo: s-ro prof. Alberto Couto Fernandes, Rua Alice 65, Rio de Janeiro;
„ Ĉeĥoslovakujo: f-ino Julie Šupichová, Malá Štěpánská 6, Praha II;
„ Ĉinujo: s-ro Chang Ching-Chiu, Li-zen-han, Ching-hung Str. 14, Yunnanfu;
„ Danujo: s-ro C. R. Ege, Hobro, Købstad m. v.;
„ Francujo: s-ro Honoré Bourguignon, St. Maximin (Var);
„ Germanujo: f-ino Marta Moelke, Stindestrasse 12, Berlin-Steglitz;
„ Holando: s-ro Pieter Korte, Schoolstraat 13, Veendam;
„ Hungarujo: s-ro M. Strickovic, I Horthy M. str. 17, St. Emerika Kolegio, Budapest;
„ Italujo: prof. Dott. Aldo Schmuckher, Corso Torino 33-14, Genova;
„ Jugoslavujo: f-ino Viktorino Lichtenwallner, Tomšičeva c. 21, Maribor;
„ Litovujo: s-ro Antanas Prapuolenis, Kazlu Ruda;
„ Polujo: Akademia Esperantista Rondo, Leszno 8/37, Warszawa;
„ Svedujo: s-ro Hjalmar Kihlberg, Vingåker.

Do, ĉiu kolego, kiu serĉas korespondo-peradon por si mem aŭ por siaj gelernantoj, anoncu sin ĉe la peranto de sia lando, kiu sendos viajn adresojn al mi. Se vi faros tion ĝis la 10-a de ĉiu monato, vi ricevos la disponeblajn adresojn jam post mallonga tempo. La kolegoj el landoj, por kiuj mi ne jam trovis kunlaborantojn, anoncu sin ĉe mi, ĝis kiam mi informis ilin pri peranto en ilia lando. Mi kore petas, ke anoncu sin ĉe mi helpemaj gekolegoj por landoj, supre ne jam menciitaj. Ili ne timu pri tro multe da laboro aŭ pri elspezoj por si mem. Mi aranĝos ĉion je ĉies kontenteco.

La anoncoj enhavu informojn pri: kompleta adreso, aĝo, speco de la lernejo, por gelernantoj krome nombro de knaboj aŭ knabinoj kaj adreso de la instruisto, kiu aranĝas kaj kontrolas la korespondo-aferon. La perado estas senpaga. Sed mi petas, ke ĉiu aldonu poŝtmarkon por simpla letero interne de sia lando, kiam li anoncas sin ĉe sia peranto. La germanoj aldonu poŝtmarkon de 4 pfenigoj.

Fine mi ankaŭ por vi mem, karaj gekolegoj, faras proponon, por vigligi la internaciajn korespondo-rilatojn inter vi. Kiu el vi havas intereson por kolektiva korespondado pri diversspecaj aktualaj problemoj (politikaj, kulturaj ktp.), kiun ankaŭ mi tre volonte partoprenus? Ni per tia korespondado povus treege stimuli unu la alian.

Mi pripensis i. a. jenan vojon: Ĉiu kiu deziras partopreni, anoncu sin senpere ĉe mi (sen aldono de poŝtmarko), samtempe proponante iun ajn temon. Malfermi la korespondadon devas mi, kiu ja ricevos ĉiujn adresojn. Ni elektu unu el la proponitaj temoj, kiun ĉiu pritraktu laŭ sia vidpunkto. Pri la transdono al la unuopaj korespondantoj mi komprenebla zorgos. Bedaŭrinde mi ĉi tie ne povas ĉion detale klarigi. Sed vi certe estos kontentaj pri la aranĝo.

Mi tre ĝojus, se vi vigle interesiĝus pri ĉi tiu instigo. Car la korespondodemando restos por mi objekto de ĉiama zorgo.

Do, mi atendas viajn anoncojn kaj la anoncojn de viaj gelernantoj kaj intertempe kore salutas vin.

Marta Moelke,
sekretariino de Kunlaborado de IALA, New York.